XIX a. jaro. No 279 (11) ☆ Monata ☆ Novembro 1923

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO



FONDINTO: HECTOR HODLER — GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE

*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15a de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*



## Pri niaj fakoj.

Nenio povas esti pli ĝojiga ol la granda progresado de niaj esperantaj fakoj, kiuj ne nur disvastigas la uzadon de nia lingvo por apartaj celoj, sed ankaŭ diskonigas ĝin en novaj rondoj. Laŭ la Bulonja Deklaracio, estas nomata esperantisto ĉiu, kiu uzas la lingvon tute egale por kiu celo li ĝin uzas.

Do katoliko rajtas uzi Esperanton por laŭdi la unuecon de sia Eklezio kaj kritiki la disecon de ceteraj, socialisto por propagandi siajn proponojn kaj mallaŭdi kapitalismon, vegetarano por rekomendi fruktojn kaj malŝatigi viandon. Pri tio neniu rajtas plendi kaj ĉiu samrajte povas respondi por rebati argumentojn per aliaj argumentoj. La riĉeco de nia lingvo povas nur gajni je tia uzado.

Ankoraŭ pli ĝi gajnas kompreneble el teknikaj fakoj, kiam inĝenieroj, kuracistoj, poŝtistoj aŭ telegrafistoj uzas ĝin por diskuti sian apartan temon.

Tiom longe, kiom fakaj eldonaĵoj sin limigas al principaj, ĝeneralaj diskutoj, oni povas do nur ĝoji; sed estas tute alie, kiam la redaktantoj transportas la batalon en Esperantujon mem, t. e. anstataŭ kritiki tiun aŭ alian ideon, fakon aŭ sekton por pravigi la sian, ili komencas ataki la esperantistojn, kiuj ne opinias tute same kiel ili, kaj organizas militon, ne plu inter ideoj, sed inter partoj de la esperantistaro mem.

Laŭ nia humila opinio, tio tute ne estas necesa por la sukceso de iu ajn ideo, kaj ĝi montriĝas tre bedaŭrinda kutimo, se ĝi disvastiĝas en Esperantujo.

Efektive la tradicio de Zamenhof emas pruvi per faktoj, ke homoj, diversaj nacie kaj konvinke, povas tamen kunvivi pace kaj eĉ frate sur la bazo de komunaj lingvo kaj idealo homara. La tiel nomata „neŭtralismo“ esperantista estas nenio alia ol komuna deziro kunlabori por atingi nian celon kaj pro tio eviti en niaj ĝeneralaj kongresoj aŭ propagandaj societoj ĉion, kio povus ofendi la apartajn konvinkojn de niaj samideanoj.

Estas tre facile ridindigi tiun „neŭtralismon“, deziritan de nia Majstro, sed estas multe pli malfacile ĝin manteni lojale. Tamen ni opinias, ke nia movado ankoraŭ bezonas centrajn neŭtralajn organizaĵojn kaj ke la tempo ankoraŭ ne venis por ĝin entute dislasi en la nuraj manoj de la disaj fakoj. Tiuj ĉi fortigu sin kaj kresku, sed ili memoru ĉion, kion ili ŝuldas al la ĝenerala movado kaj klopodu ne embarasi ĝin per senpripensaj atakoj, ĉar ili mem estas ankoraŭ tro malfortaj por vivi sen ĝia sango.

Same ni estu tre prudentaj pri naciaj propagandoj en Esperanto. La prezidanto de UEA jus atentigis nin pri tiu ĉi punkto. Naciaj societoj evitu miksiĝi en disputoj inter siaj regnoj. Ili lasu tion al siaj registaroj. Oni ne superŝutu favorajn komercajn ĉambrojn aŭ eĉ UEA-delegitojn per esperantaj broŝuroj aŭ alvokoj kontraŭ ilia aŭ alia nacio, sub la pretekstο, ke „Tio montras la utilecon de nia lingvo“. Fakte ni scias tre bone, ke ĝi malhelpas nin multe pli ol helpas. Oni do preferu diskonigi pozitive la belaĵojn de sia lando per turismaj eldonaĵoj aŭ ĝiajn ekonomiajn kondiĉojn per taŭgaj bultenoj. Tio alportos multe pli veran profiton samtempe al la lando mem kaj al nia afero.

Esperantujo devas esti, ne malĝojiga bildo de la malsana, malama, malorda nuna mondo, simple tradukita en nova lingvo, sed eta modelo de pli bona homaro, kie pozitivaj valoroj jam anstataŭas negativajn fortojn kaj ebligas pacan kunlaboradon. Ni ĉiam preferu tion, kio unuigas, ol tio, kio disigas.

*Edmond Privat.*

 EL SCIENCO KAJ NATURO 

# Aŭto-sugestio kiel kuracrimedo.

(En la lastaj kelkaj jaroj la aŭto-sugestio, dank' al la multjara praktikado de Emile Coué el Nancy, Francujo, multe diskoniĝis kiel rimedo por kuraci malsanojn, ne nur funkciajn sed ankaŭ organikajn. Estus tre interese konstati laŭ kia grado la lingvaj bariloj malhelpis la disvastiĝon de la ideo. Ni rekomendas al niaj legantoj traduki kaj publikigi la jenan artikolon pri la aŭto-sugestio en naciaj gazetoj, precipe en tiuj landoj, se tiaj ekzistas, kie ĝis nun ne aperis artikoloj aŭ verkoj pri ĝi. La tradukantoj bonvolu sendi la koncernan numeron de la gazeto en kiu traduko aperas al S-ro *P. J. Cameron*, 69 Schubert Road, Putney, London S. W. 15.)

S-ro Emile Coué antaŭ du jaroj vizitis Anglujon kaj parolis diversloke pri la kuracaj efikoj de la aŭto-sugestio. La ĵurnaloj multe bruadis pri la „nova" ideo, kaj la formulo de Coué: „Tous les jours à tous points de vue je vais de mieux en mieux" (ĉiutage laŭ ĉiuj vidpunktoj mi pliboniĝadas) fariĝis kvazaŭ proverbo. Certe la ĵurnalistoj ne ĉiuj rigardis la aferon serioze, kaj la popola opinio nature eĥis la komentariojn de la ĵurnaloj.

Por tiu, kiu jam sciis ion pri la sugestio ĉe la hipnotismo, ne estis facile eltrovi el la ĵurnalaj raportoj, en kio konsistas la noveco de la sistemo de Coué. Feliĉe aperis iom poste angla traduko de la verko „Suggestion et Auto-suggestion" de Charles Baudouin, profesoro ĉe la Instituto *Jean Jacques Rousseau*, Genève, kiu estas la teoria interpretanto de Coué.

Laŭ historia vidpunkto, la sugestio havis sian originon en la hipnotismo. La angla ĥirurgo James Braid (1841) el Manchester estis la pioniro de la moderna scienca esploro de hipnotismo (antaŭe konata kiel Mesmerismo laŭ Mesmer). Braid en la komenco produktis la hipnotan dormon ĉe siaj pacientoj per fiksado de la atento sur brilan objekton; poste li konstatis, ke iu persono mem povas produkti la staton sen la helpo de hipnotisto, kaj ankaŭ ke la simpla sugestio pri dormo efikas sen alia rimedo. Braid forigis reŭmatismon de si mem per sugestio uzata antaŭ hipnota dormo. En Francujo la skolo de Nancy starigita (ĉ. 1864) de Liébault, kiu povas esti nomata la patro de la ideo de sugestio, kaj daŭrigata de Bernheim (ĉ. 1882), faris multon por esplori la hipnotismon kaj sugestion. Kontraŭ la teorioj de la Nancy-skolo estis la rivala skolo de Charcot en la Salpêtrière, Paris. La Nancy-skolo pretendis, ke la plej granda nombro de sanaj personoj povas esti hipnotigata; dum la Salpêtrière-skolo trovis en la hipnotismo fenomenon kiu aperis nur ĉe malsanuloj histeriaj. Inter la du skoloj la nuna verkanto ne bezonas juĝi, sed ŝajne la vidpunkto de la Nancy-skolo estas pli ĝenerale akceptata. Por la celo de ĉi tiu artikolo estas necese, ke ni rimarku, ke la hipnota stato estas karakterizata per speciala mensa stato (koncentriĝo de la atento) kiu favoras sugestieblecon. En tiu stato sugestio formulata de la hipnotisto ordinare renkontas nenian kritikon aŭ baron, kaj la subjekto plej ofte efektivigas ian sugestion prezentitan al li.

La Nova Skolo de Nancy, reprezentata de Coué, apartigis la sugestion de la hipnotismo. Coué en la komenco de sia praktiko endormigis siajn pacientojn; poste li forlasis tiun metodon kaj normale formulis sugestiojn en maldorma stato. La metodo de Coué nun havas preskaŭ nenion komunan kun la hipnotismo.

Charles Baudouin en sia verko „Suggestion et Autosuggestion" insistas, ke la sugestio okazas konstante kaj tute spontane en niaj vivoj. Laŭ li la sugestio okazas al ni, kiel freŝa aero eniras ĉambron nerimarkite sub pordon fermitan; kaj tutan nian vivon ni estas elmetataj al ĝia efikado de la naskiĝo ĝis la tombo. La konscia uzado de sugestio nin instruos kiel ni povas profiti per utilaj sugestioj kaj eviti la malutilajn.

La sola diferenco inter sugestio kaj aŭto-sugestio estas, ke ĉe aŭto-sugestio iu persono formulas al si sugestiojn sen la helpo de alia persono. Coué difinas la sugestion kiel „la enplantado de ideo en sin mem de si mem." Charles Baudouin ne akceptas tiun difinon, ĉar li volas insisti, ke la esenco de la sugestio estas *tio, kio okazas en la subkonscio*. Li do uzas la difinon: sugestio estas la subkonscia efektiviĝo de ideo. Laŭ li ne estas la *akcepto* de ideo kiu konsistigas sugestion, sed ĝia realiĝo aŭ efektiviĝo subkonscie. La subkonscio (aŭ nekonscio, laŭ Coué) estas regiono de la menso malkovrita al ni ĉefe dank' al la esploroj de la psiko-analizistoj. La tuta menso ne estas konata al ni normale. La maristo vidas eble nur okonon de glacimonto, ĉar sep okonoj estas submare. Simile, ni normale konas nur la ordinaran konscion, dum la subkonscio estas kaŝata al ni, kvankam ĝi estas ĉiam aktiva, eĉ dum la dormo. Homo sen subkonscio estus homo sen ombro.

Nun ni venas al la demando, kion novan Coué eltrovis rilate al la sugestio? Multaj miloj da homoj en Usono kaj aliloke jam uzadis la aŭtosugestion, kaj jam multaj libroj estis verkitaj pri ĝi, ofte kun intermikso de sugestio kaj mistikismo. Sed ĉi tiuj verkistoj ĉiam aludis al la sugestio kiel la kulturo de la volo, aŭ edukado de la volforto. Coué, kiel rezulto de lia dudekjara sperto, konstatis, ke la sugestio ne rilatas al la volo; ĝi estas mensa aktiveco tute sendependa de la volo. Efektive, per alvoko al la volo oni ofte atingus rezulton kontraŭan al tiu celita. Laŭ la vortoj de Coué, „Kiam la imago kaj la volo konfliktas inter si, estas la imago kiu nepre venkas". Charles Baudouin nomas tiun principon la leĝo de kontraŭturnata penado. Ekzemplo estas la forgeso de nomo. Tuj kiam oni konscias, ke oni forgesis nomon, la ideo „mi ne povas memori" okupas la menson. Ju pli oni penadas revoki la nomon, des malpli oni povas ĝin rememori. La penado, agante kontraŭ la imago „mi ne povas", pelas nin laŭ la direkto de la imago. Fine, ĉesante penadi, oni pensas „mi rememoros siatempe", kaj tiel okazas. Charles Baudouin donas detalan klarigon pri ĉi tiu leĝo de kontraŭturnata penado. Por la nuna celo sufiĉos diri pri ĝi la jenon: memvola penado elvokas reziston, kiun oni devas superregi; pro tio, rezultas du konfliktantaj ideoj — ekzemple, la ideoj „mi volas" (aŭ „mi faros") kaj „mi ne povas". „Mi ne povas" esprimas senton de senpoveco, de timo. Tiu timo ekokupas la menson, kaj ĉia kontraŭa penado estus turnata en la direkto imagata de la timo — en la direkto kontraŭ tiu al kiu celas la volo.

La dua leĝo eltrovita de Coué estas ĉi tio: se oni imagas al si la celon, la subkonscio mem zorgos pri la rimedoj necesaj por atingi tiun celon. Tiun leĝon Charles Baudouin nomas la leĝo de subkonscia teologio. Virino venis al la kliniko de Coué havante krom negrava malsaneto varikozan ulceron. La malsaneton sole ŝi menciis, dirante nenion pri la ulcero. Sed sub la influo de la sugestio ambaŭ malsanoj malaperis. La ulcero estis rezistinta aliajn rimedojn de kuracado, sed per ĝenerala sugestio pri pliboniĝo de la sano ĝi resaniĝis. Tiu sperto donis al Coué la ideon pri la leĝo de subkonscia teleologio, kiel Charles Baudouin ĝin nomis.

Nun oni eble povas kompreni, kial normale oni ne parolas pri detaloj de malsano, sed uzas ĝeneralan formulon enhavantan la ideon pri pliboniĝado de la sano. Ne ekzistas virto en iu speciala formulo, sed tiu uzata de Coué estas: Tous les jours à tous points de vue je vais de mieux en mieux" (ĉiutage laŭ ĉiuj vidpunktoj mi pliboniĝadas). La vortoj de formulo devus esti veraj: ekzemple, oni ne diru, se oni estas malsana, „mi estas sana". „Mi resaniĝas" povas esti vera. La formulon oni

ripetadas ĉiunokte ĉirkaŭe dudek fojojn tuj antaŭ ol endormiĝi kaj matene tuj post vekiĝo. Oni kalkulas per peco de ŝnuro kun dudek nodoj, kaj ripetas la formulon *ne uzante penon.*

Ni jam rimarkigis, ke karakterizo de la hipnota stato estas stato de mensa koncentriĝo. Ĉe ordinara memvola koncentrigo de la menso ni havas atenton kaj kun ĝi penadon. La mensa stato favora al sugestio estas stato de mensa koncentriĝo *sen penado.* Charles Baudouin havas specialan terminon por tiu koncentriĝo senpena: li nomas ĝin *contention.* Ĝi ekzistas ĉe la hipnota dormo, kaj ankaŭ tuj antaŭ ordinara dormo. Jen kial oni devas uzi la okazon antaŭ endormiĝi. Ĝi povas tamen esti vole atingata je aliaj tempoj se oni ĝin kulturas. La forta emocio aŭ alia sentostato favoros la efektiviĝon de sugestio. Ideoj kiuj estas akompanataj de favoraj emocioj pli facile efektiviĝas. Kontraŭe timo aŭ dubo malhelpas plenumiĝon. Cetere la influo de timo eĉ sur la fizikan staton estas de ĉiuj bone konata. Ĝojo, fido ktp. povas efiki en la kontraŭa direkto.

La miloj da pacientoj, kiuj vizitas la senpagan klinikon de Coué ĉiujare, estas kuracataj en kunsidoj de tridek ĝis kvindek. Nature, kiam la pacientoj vidas iun alian pacienton, kiu venis lamante aŭ tute ne povante marŝi, foriri marŝante libere, atmosfero de fido je la homo aŭ la metodo naskiĝas. Tiaj subitaj kuracoj foje okazas en certaj malsanoj (ekzemple ĉe funkcia paralizo); pli ofte la pacientoj raportas ian pliboniĝon. Por klarigi la forton de la imago, Coué uzas kelkajn ekzercojn. Ekzemple, li petas de paciento, ke li interfingrigu la manojn kaj kunpremu ilin fortege ĝis la manoj tremas, samtempe pensante, ke li ne povas apartigi ilin. Tiel okazas plej ofte, sed pli facile ĉe virinoj. Coué klarigas, ke tuj kiam la paciento pensos „mi povas", li povos apartigi la manojn. Post aliaj ekzercoj Coué faras paroladon (dum kiuj la pacientoj sidas kun fermitaj okuloj, por ke la atento ne distriĝu), en kiu li diras, ke de nun la pacientoj havos memfidon, ke ĉiuj funkcioj de la korpo regule sin plenumados, kaj ke la tuta organismo celos al la sano. La pacientoj hejme devas ripetadi ĉiunokte kaj matene la ĝeneralan formulon. En specialaj okazoj, kiam oni sentas doloron, oni devas diri rapidege „Ça passe" (tio foriĝas) kaj post ne longe tiel okazos. La ordinara ĝenerala formulo estas ripetata ne tre rapide, se ĉi tiu speciala formulo por forigi doloron estas ripetata fulmorapide por ne permesi la penson pri la ĉeestanta doloro.

Ĉiu povas fari aŭtosugestion sen la helpo de alia persono; sed estas konsilinde studi la kondiĉojn en kiuj la sugestio plej bone efikas. Ne estas necese sin limigi al la ĝenerala formulo; oni povas formuli ian ajn sugestion por specialaj celoj (ekzemple kontraŭ ekzamena timo); sed laŭ la sperto de Coué oni devus uzi ĝeneralan formulon pri plisaniĝo ĉiunokte kaj matene. Ordinare la sugestio formulata ne devus esti en negativa formo („mi ne faros"), sed devus afirmi la celon pozitive. Por la plimulto da homoj ĉeesto ĉe kolektiva kunsido estus granda helpo. Ni ne devas forgesi, ke la publiko inter kiu Coué laboras estas publiko antaŭe preparita per sugestio pro la parolado pri lia famo kaj pro la aŭdo pri resaniĝo ĉe aliaj Kiam oni ekzercas la sugestion private oni ne havas tiujn avantaĝojn . . tamen, ĉar la sugestio estas esence aŭtosugestio, tia ekstera helpo ne estas absolute necesa.

Tiuj kiuj scias nenion pri la laboro de Coué pretendas, ke la sugestio nur povus influi malordojn funkciajn, sed tio ne estas konfirmita de la sperto. Eĉ se ia organika malsano ne cedas al la sugestio, tamen la kondiĉo de la paciento povas esti multe plibonigata pro la forigo de malfavora psika stato kiu akompanas la fizikan malsanon. Oni ankoraŭ ne scias la limon de la efikado de la sugestio, sed ĝi certe ne estas la ordinara limo inter funkciaj kaj organikaj malsanoj. Inter la malsanoj sukcese traktataj estas menciataj: astmo, varikozaj ulceroj, ekzemo, neŭrastenio (malsano de la imago, sed tute ne imaga malsano!), eĉ tuberkulozo. Tre interesa kazo de la lasta speco estas tiu priskribita de Charles Baudouin. Knabino 11-jara, suferanta je tuberkulozo, estis alkondukita al li ĉe la Instituto Jean Jacques Rousseau en Genève. Post kelkaj semajnoj da kuracado per sugestio, ulcero sur la tempio de la grandeco de floreno estis resanigita, la tuso malaperis ktp. Oni trovos plenan raporton en la citita libro de Baudouin. Prefere ol citi la kazon plene, la verkanto de ĉi tiu artikolo volus citi leteron adresitan al li de kuracisto kiu dum multaj jaroj estis estro de sanatorio por ftizuloj en Anglujo:

„Mia kolego, D-ro . . . . ., tre interesiĝas pri la aŭtosugestio, kaj ni uzis la metodon ĉe kelkaj pacientoj. Kelkaj el ili ne konsideris la aferon sufiĉe serioze, sed ĉe du-tri kazoj, kiuj uzis ĝin regule kaj persisteme, oni konstatis bonajn rezultojn. Unu estas junulo kiu estis internigita en Ruhleben dum preskaŭ la tuta tempo de la milito, kaj havis severan tuberkulozon de ambaŭ pulmoj kaj ankaŭ de la laringo — tia kazo kiu estus ordinare konsiderata tute senespera. Li legis diversajn librojn pri la aŭtosugestio kaj entuziasmiĝis pri ĝi. Li tre inteligente aplikis la metodon, kaj ŝajne kun surprize bona efiko. Liaj pulmoj kaj laringo ambaŭ estas nun en multe pli bona stato, kaj lia ĝenerala sanstato ankaŭ tre kontentige pliboniĝis. Alia juna viro, kiu ĉe alia sanatorio ne resaniĝadis kaj estis kutime malĝoja kaj malkontenta, kiam li venis ĉi tien legis unu-du librojn pri la aŭtosugestio kaj komencis serioze apliki la metodon. Lia mensa stato mirinde ŝanĝiĝis. Li fariĝis daŭre bonhumora kaj eĉ gaja, kaj lia korpa sanstato ankaŭ tre kontentige pliboniĝis. Amiko kiu konis lin ĉe alia sanatorio povis apenaŭ kredi, post du-tri monatoj, ke li estas la sama persono. En tiuj du kazoj la plibonigo de la objektivaj signoj ĉe la pulmoj kaj aliaj organoj estis trafa."

Fine mi rimarkigu, ke sinjoro Coué tute ne volus, ke malsanuloj forlasu la konsilojn de sia kuracisto rilate al ordinaraj fizikaj rimedoj. La sugestio estas ne ĉarlatana ĉionkuracilo, sed rimedo kiu tamen sukcesas ofte kiam ordinare fizikaj rimedoj estas senefikaj.

*P. J. Cameron* (London).

*Noto de la Red. Gratulante la aŭtoron pro lia tre interesa artikolo, ni demandas lin ĉu li ne preferus forlasi la senutilan finaĵon -io (cetere tiel malpopularan en niaj akademiaj rondoj) kaj uzi tute simple la radikon* sugest' *(sugesti, sugesto, aŭtosugesto, aŭto-sugestado, aŭto-sugestistoj ktp.).*

---

# Reĝo Karbo.

Sub dato: Mardo, la 18 majo 1824 Eckermann*) registris:

Vespere ĉe Goethe kun ĉeesto de Riemer. Goethe rakontis al ni pri angla poemo, temanta pri la geologio. Li faris laŭ konversacia maniero, liberan tradukon kun tiom da sprito, imago kaj humoro, ke ĉiu detalo prezentiĝis antaŭ la okulo, kvazaŭ ĉio estus trovaĵo de li mem.

Temas pri poemo kun geologia karaktero, en tri partoj de John Scafe, respektive nur la unua parto titolita „Reĝo Karbo". Goethe priparolis ĝin ankaŭ en siaj mineralogaj - geologaj verkaĵoj. Ni legas:

„La angla nacio posedas grandan avantaĝon super aliaj, ke ĝiaj scienculoj provas praktike utiligi la kolektitan pretan materialon de konaĵoj. Tio plej certe efektiviĝas per ĝenerala

*) Johann Peter Eckermann, Gespräche mit Goethe in den letzten Jahren seines Lebens. Herausgegeben von Ludwig Geiger, Leipzig, Max Hesse's-Verlag. (Konversacioj kun Goethe dum la lastaj jaroj de lia vivo).

diskonigo de la akirita scio. Por tio nenia rimedo estas rifuzata, kaj ŝajnas stranga, ke ili dum aliaj nacioj disputegas kio estas hipotezo aŭ metodo, diskonigas kion ĉiuj devas scii per poemoj de serioza aŭ humora tendenco, inter la amaso.

Didaktaj poemoj estas ŝatataj en anglaj landoj; plej nova, entute viva kaj humora el ili meritas esti konata pli bone. La poemo estas verkita en tri partoj; la unua „King Coals Levee, or geological etiquette" (by John Scafe).

Reĝo *Karbo* la estro, por komplezi al sia edzino *Pirito* vokas per ordona tertremo ĉiujn ŝtonspecojn de Anglio kaj Kimrio (Wales) al kunveno. Li, sidanta sur nigra trono, serioza kaj impona, ŝi, vivema kaj brila, prezidas en la aŭdienca salono, kiu pro glimo kovritaj muroj rebrilas fajran lumon.

La ŝtonpecoj venas: ilia rangordo estas fiksita. Duko *Granito* venas unue, anoncita de *Gnejzo;* tiu indece iranta, estis salutita de reĝo *Karbo, Gnejzo* aperas en tre dekompozita, elĉerpita aspekto kaj faras nenian impreson. Sekvas markizo *Ardezo;* sed ankaŭ li ne estas en plej bona sanstato. Lin sekvas la grafino *Porfiro* kiel vidvino; ŝi lasis sian vestaĵaron en Egiptio; la reĝino mokas pri ŝia nekutima kostumo. La reĝo prezentas ŝin kiel kleran sinjorinon, kiu ne multe zorgas pri sia eksteraĵo.

Bela homo, verde vestita, aristokrate, sed de eta havo, Grafo *Serpenteno* aperas. Tiam prezentiĝas Barono *Sienito,* tre simila al la jam nomita duko Granito. Li ŝajne tre plaĉas al si mem, ĉar li posedis konsiderindan havaĵon; li estis parenca kun certa *Amfibolo*, seka viro; ambaŭ estis tiom intimaj amikoj, ke vidante tiun oni kredas esti vidanta la alian.

Grafo *Graŭvako* marŝas kuraĝeme, brava konduto, kun makulita vizaĝo.

Najbaro *Molibdeno*, malproksima parenco de la reĝo, montras sin nur preterpasante; li estas melankolia pro sia sorto esti ĉiam enkarcerigata.

Nun venas grava viro, *Grejzo la antikva,* vane atendinta je sia kuzo *Grejzo la juna*, sola ĉe la aŭdienco. Lin sekvas tuj Moŝto *Lorenco Prakalko*, riĉa sinjoro, fraŭlo; li estas amiko de fraŭlino *Gipso,* kun kiu li tre ŝatas edziĝi. Sed ŝia dolĉa nevino *Selenito* havas pretendojn je li; ŝi ne rajtas esperi je riĉaĵoj heredeblaj kaj tial la elekto iĝas duba.

La du *Grejzoj* pretendas ankaŭ je F-ino *Gipso;* la juna havas salon en ĉiuj siaj paroloj, sed ne atikan. La gento Grejzo havas multajn parencojn el kiuj multaj ne estas reprezentindaj. Fieraj tamen, ĉar deiras laŭ deveno de l' granda nobelulo, Lordo *Kvarco.*

Sed Moŝto Prakalko estas tre ŝatata ĉe la kortego; liaj kvar filoj ankaŭ estas prezentataj kaj kuzo *Marno* ne estis forgesita.

Moŝto Lorenco Prakalko senkulpigas sian patrinon, S-ino Moŝto *Marmoro*, pro ŝia malproksima loĝejo, sekve Reĝo *Karbo* klarigas al sia edzino kia bela virino estis S-ino *Marmoro.* Ŝi ja ne loĝas en la britaj insuloj, sed tamen bonakceptita de ĉiuj noblaj domoj. Li laŭdas la altan noblecon kaj certigas, ke ĉe ĉiu kortego kien ŝi venas, ŝi troviĝis bone. Eĉ intrigo estas farota, sin altigi kiom eble plej alten; oni ripete aŭdas, ke Canova**) montras grandan atenton je ŝi.

*Grejzo la juna* kun F-ino *Gipso* brako ĉe brako iras antaŭen ĉiu de sia flanko amindumante kun anoj kaj aninoj de la kortego.

Aperas *Tufŝtono,* komike armita. Li ne estis li mem, ja li ŝajnis esti ebria. Kun stranga ornamo li beligis la kapon per fiŝoj kaj lacertoj.

**) *Antonio Canova* 1757—1822, renoviganto de la skulptarto itala; ĉefverko a tombo-monumento de arkdukino Marie Christine en Wien.

Lia ŝildo estis kalkigita kiraso de testudo; kiel umbiliko sidis meze speco de amonito. Tufŝtono rajdis sur krokodilo kaj prezentiĝis kiel estro de ĉiuj fosiliaĵoj.

Nun venas *ŝtupforma Kalko* kaj kun li la petolema knabo *Flinto*. *Kalko ŝtupforma* loĝas en suda parto de la insulo, kaj neniam povas esti sen la koboldo *Flinto.*

Joĉjo *Marno* kaj Jak *Argilo* venis de Ŝeppis-insulo, afable akceptita ĉe la kortego. La reĝino estas amikino de konkoj kaj komisiis *Argilon* prepari por ŝi belan kolekton. Ankaŭ la botaniko ne estis forgesita kiel atestis bela aro da plantaĵoj pratempaj zorge kolektitaj. Tial Joĉjo *Marno* estis afable akceptita, flatis la gereĝojn kaj klopodis ankaŭ tie resti daŭre.

Nun venas iom malfrue, barono *Basalto* kun kuraĝega sindono, akompanita de paĝio Ceolito. Ne trovinte kolonojn, li trovas la salonon neinde; Staffa kaj Fingals*) estas multe pli impresigaj, li opinias, oni ne rajtas protesti pro tio, ĉar li estis fama arĥitekto.

* * *

Tiel diris Goethe. — Se pripensema leganto atentas bone la detalojn facile vekiĝos la kompreno pri la diversaj mineraloj, ilian rilaton kaj parencecon. *H. J.*

Vortlisto.

| *Esp.:* | *Angle:* | *France:* | *Germane:* |
|---|---|---|---|
| *Amfibolo* | Hornblende | amphibole | Hornblende |
| *Amonito* | ammonite, (snakestone) | ammonite | Ammonshorn |
| *Ardezo* | common slate | ardoise | Schiefer |
| *Argilo* | clay, polters- [earth | argile | Ton |
| *Basalto* | basalt | basalte | Basalt |
| *Ceolito* | zeolite | zéolithe | Zeolith |
| *Flinto, Siliko* | flint | silex | Flint |
| *Gipso* | gypsum | gypse (plâtre) | Gyps |
| *Gnejzo* | gneiss | gneis | Gneis |
| *Granito* | granite | granit | Granit |
| *Graŭvako* | greywacke | psammite | Grauwacke |
| *Grejzo* | sandstone | grès | Sandstein |
| *Kalko, Praa* | chalk, lime | calcaire | Urkalk |
| „ *ŝtupforma* | stratifications calcaires | | Flözkalk |
| *Kvarco* | quartz | quarz | Quarz |
| *Marmoro* | marble | marbre | Marmor |
| *Marno* | marl | marne | Mergel |
| *Grafito* | graphite | graphite | Wasserblei, [Graphit |
| *Pirito* | pyrite | pyrite | Eisenkies |
| *Porfiro* | porphyry | porphyre | Porphyr |
| *Selenito* | selenite | sélénite | Selenit |
| *Sienito* | syenit | syénite | Syenit |
| *Serpenteno* | serpentine | serpentine (ophite) | Serpentin |
| *Tufo* | tuff | tuf | Tuff |

*) Fingal kaverno sur insulo Staffa, ĉe sudokcidenta bordo de Hebridoj. Fingal estas la heroo de la gaela popola epopeo.

# TRA LA VIVO

## D-ro Benedikto Dybowski

de *D-ro Maksimiljano Blassberg*, Kraków.

La tre ŝatata pola naturscienculo *Dybowski*, kuracisto kaj filantropo, festanta nune sian naŭdekan naskiĝtagon, estas ankaŭ nia fervora samideano, kaj tial estas dece, ke ankaŭ la pli vasta esperantistaro ekkonu lian noblan vivon kaj agadon. Ne sufiĉe bone konata li estas nur, ĉar lia agadkampo okazadis en tre malproksimaj, nekonataj, sovaĝaj landoj kaj lia nobla agadmaniero estis nekriema, senfanfarona kaj modesta. Kiel vera homarano li persiste kaj sukcese laboradis, forgesita de tuta mondo, malproksime de sia patrolando Polujo, kaj li laboradis ne por mono, premioj, ambicioj aŭ distingiĝo, sed nur laŭ sia alta, nobla homama sento, por la daŭra bono de fremdaj, duonsovaĝaj, senhelpaj kaj malsatantaj gentoj.

Doktoro de medicino kaj filozofio Benedikto Dybowski estis profesoro-adjunkto de la Ĉefa Lernejo (Universitato) en Warszawa, kiam en la jaro 1863 eksplodis la pola ribelo kontraŭ Rusujo. Pro lia partopreno en la ribelo li estis ekzilita de la rusa registaro al Siberio. Kvar jarojn li devis travivi en Daurja Nerĉinska kaj poste dum kelkaj jaroj li restadis apud la Bajkala lago. La malfacilaj vivkondiĉoj de ekzilulo ne timigis la scienculon. Pacience kaj persiste li laboradis, esploradis la profundecon kaj aliajn ecojn de tiuj grandaj akvaroj, kunmetadis birdajn specimenojn kaj samtempe faradis kontraŭalkoholan propagandon, kreis en regiono de Daurja malsanulejon por okulmalsanoj, ĉar la nomada Burjata gento multe suferadis je okuloj. La efikoj de lia laboro akiris por li la aprobon de multaj influriĉaj rusaj scienculoj — dank' al kiuj li estis pli frue liberigita el ekzilo. Sed reveninte al patrolando li ne ripozis. Li jam de longe pensadis pri veturo al la duoninsulo Kamĉatka en la malproksima Azio, por tie fari sciencajn esplorojn kaj laŭpove helpi al la tiea loĝantaro. Ĉar la enloĝantaro de Kamĉatka kaj de la najbaraj insularoj Aleuta, Kurila kaj Komandora vivadis en grandega mizero, pereis pro manko de vivrimedoj kaj estis trompata kaj ekspluatata de tiama rusa registaro. Por realigi siajn planojn kaj akiri la necesajn rimedojn Dybowski fariĝis rusa ŝtata kuracisto por Kamĉatka kaj Komandora insularoj kaj jam en la jaro 1879 li tien forvojaĝis, akompanata nur de unu junulo. La vojaĝo daŭris duonon da jaro pro diversaj administraj kaj klimataj malhelpoj kiel ekz. glaciiĝado aŭ degelado de grandaj riveroj, malfruiganta la veturadon. Ĉie survoje, kie li devis haltadi li kuracadis senpage multnombrajn malsanulojn.

Post laciga vojaĝado li albordiĝis la 5an de julio 1879 en Petropavlovsk, malgranda kolonio, kiu estis administra rezidejo de Kamĉatka. Al lia agadkampo de ŝtatkuracisto apartenis krom la duoninsulo Kamĉatka ankaŭ la najbara insularo, ĉefe la Komandora, kies unu el la plej grandaj insuloj estas tiu de Bering. Kvankam la insularo apartenis al Rusujo jam de la duono de la 18a jarcento — ĝi estis malmulte esplorita. La suda parto de la insulo estis tute nekonata, kaj pri la vivkondiĉoj de la enloĝantaro neniu pensis kaj desmalpli penadis ilin plibonigi. Jam en la unuaj tagoj post alveno Dybowski ekobservis treegan disvastiĝon de alkoholismo inter la loĝantaro. En Petropavlovsk nur en unu drinkejo oni disvendadis dumjare 2270 litrojn da brando krom grandaj kvantoj da biero kaj vino. Preskaŭ la saman kvanton disvendadis ankaŭ la aliaj drinkejoj de la urbeto. La unua faro de Dybowski estis raporti al la estraro, ke oni devas fermi la drinkejojn por plialtigo de la fizika kaj morala sanstato de la enloĝantaro kaj por forigo de ĝia mizero. La postulo de la filantropo-kuracisto restis senefika. La proponon oni sendis al pli altranga estraro al Vladivostock kaj de tie post tre longa tempo alvenis respondo pri nekompetenteco de la estraro. Nur la imperiestro sola povus tiuĉirilate ekdecidi. Tiu ĉi unua kaj multaj postaj similaj klopodoj estis, ĉe la registaro plejparte ne nur sensukcesaj, sed krome turnis sur lin atenton kaj poste diversflankajn malamikaĵojn. La klopodoj por plibonigo de mizerostato de la popolo estis de la oficistoj kaj popoj (rusaj pastroj) denuncata kiel danĝera agado de la „kosmopolitulo“. Sed la malfacilaĵoj lin ne timigis. En tre penigaj vivkondiĉoj, en malvarmego de 24⁰ C. li rajdante surĉevale vizitadis la enloĝantojn de la duoninsulo, kuracadis ilin tute senpage, studadis ilian vivon kaj bezonojn kaj helpadis al ili laŭpove. Li klopodis por enmeti fiŝidaron en la lagojn de Kamĉatka por savi la loĝantojn kontraŭ la periode revenantaj malsatotempoj. Li ŝirmadis kaj protektadis ilin kontraŭ la profitemo kaj trompemo de popoj, kio alportis kontraŭ li ĉiam novajn denuncojn, ke li protektas ŝamanajn*) religianojn kaj idolservantojn, ke li pro tio estas danĝera por la rusa ŝtato kaj la ortodoksa grekokatolika religio. Sed la Lomuta gento kontraŭe ĉiam despli al li fidadis kaj dankeme kun li ĉiam pli amike kaj kore interfratiĝadis. Krome li tre diligente studadis science la naturon de Kamĉatka kaj akiris kaj kunmetis tre grandan etnografian kaj zoologian materialon.

La ĉefa zorgo de Dybowski fariĝis la sorto de Aleŭtoj, loĝantaj sur la Beringa insulo. Kaŭze de manko da boacoj**), kiuj estas utilaj bestoj por la subpolusaj regionoj, la loĝantoj suferadis multe kaj pereiĝadis pro malsato, ĉar la insulo estis tre malriĉa. El la 315 tiamaj enloĝantoj estis 303 indiĝenoj. Aleŭtoj kaj ilia tuta malriĉa posedaĵo konsistis nur el ĉirkaŭ 200 hundoj, 16 bovinoj kaj 40 kokinoj. Por sekurigi la popolon kontraŭ la malsatmorto la pola scienculo ekhavis planon venigi boacojn al ĉi tiu insulo. Li prezentis siajn projektojn al la amerikano Lugiebil, reprezentanto de la amerika komerca kompanio Hutchinson Colet Comp., kiu farmis la insulon de Bering de la rusa registaro. La amerikano trovis la projekton bonega kaj konsentis laŭpove apogi ĝin, sed la rusa ŝtata komisario kontraŭe laŭpove malhelpadis la entreprenon. La realigado de tiu ĉi projekto estis treege malfacila. Oni devis havi monon por aĉeto de boacoj kaj por venigo de ili al la malproksima insulo kaj trovi ŝipon por traveturigo tra la malkvieta kaj ventega maro. Dybowski mem ne havis monon, ĉar li principe praktikadis kiel kuracisto senescepte senpage. Li turnis sin al la amerikanoj petante nur 300 rublojn por tiu celo. Li mem prenis sur sin la tutan pluan bezonan laboron por elserĉado de konvenaj boacoj, de venigo al la haveno kaj la pluajn elspezojn krom la esperata amerikana helpo. Preparante tiun ĉi planon li baldaŭ forveturis sur la insulon de Bering por natursciencaj esploroj kaj por serĉi tie ĉi taŭgan terenon por la boacoj, kiujn li intencis tien venigi. Li trovis tie tre bonan terenon por restado kaj multobliĝado de tiuj ĉi bestoj. „Mi konvinkiĝis“, li skribis en siaj notetoj, „ke tiu ĉi insulo povus esti por la boacoj vera paradizo; tie ekzistas montoj kovritaj per muskaro kaj tundroj***). Ne ekzistas lupoj, nek tabanoj, nek granda neĝaro.“ Tio montris, ke la kondiĉoj estis bonaj kaj ke ne ekzistis tie naturaj malhelpoj, kiuj povus kaŭzi rapidan pereon de tiuj ĉi utilaj bestoj. En la sekvanta jaro 1880 Dybowski ricevis por la afero ne nur la petitajn 300 rublojn sed ankaŭ ŝipon, bezonan por transporto de la aĉetotaj boacoj.

*) Ŝamanismo havas kiel bazon kulton al la naturo kaj al la spiritoj kiuj ĝin estras.

**) Anst. „norda cervo“ duvorta aŭ „reno“ kiu havas jam alian signifon ni uzas la vorton „boaco“ uzitan jam depost tri jaroj de „Finnlanda Esperantisto“.

***) Tundro, senarba stepo, ĉefe kovrita de muskoj kaj likenoj.

Restis la plua malfacila laboro kiu kaŭze de plej diversaj malhelpoj daŭris du jarojn. Sed fine li aĉetis 3 boacojn kaj 12 boacinojn kaj kun granda peno, sur treege maltrankvila kaj ventega maro li mem traveturigis ilin al la insulo de Bering. La 16an de julio 1882 matene la filantropo kun la malgranda brutaro albordiĝis feliĉega al la insulo. Ĉiuj liaj ĝisnunaj penoj, zorgoj, klopodoj kaj malagrablaĵoj travivitaj dum 3 jaroj estis tuj forgesitaj! Post mallonga tempo la boacoj komencis ĉirkaŭrigardadi en la nova tereno, plirapidiĝis siajn paŝojn kaj baldaŭ malaperis en la nebularo. La afero feliĉe sukcesis..... Kiam dudek jarojn poste la Krakova universitata profesoro Morozewicz (legu: Morozeviĉ) vizitis tiujn regionojn, li konvinkiĝis, ke la enloĝantaro restis tre dankema al D-ro Dybowski por ĉiuj liaj multoblaj bonfaraĵoj. La enkondukita brutaro milfoje multobliĝis kaj sekve la vivrimedoj kaj la vivstato de la enloĝantaro multe pliboniĝis. Kiel esprimon de sia dankemo ili donacsendis al D-ro Dybowski al Lwów, kie li estis tiam profesoro de zoologio ĉe la pola ŝtata universitato, la skeleton de mara bovino, trovita kaj elfosita de ili sur la insulo de Bering. Dybowski donacis tiun ĉi skeleton al la zoologia kolekto de la Lwova Universitato. La donaco staras tie kvazaŭ monumento de dankemo al nobla homamo kaj bonfaremo.

Ankaŭ kiel samideano-esperantisto montriĝis D-ro Dybowski tre energia. En la jaro 1908 kaj 1909 li en siaj natursciencaj artikoloj, aperintaj en la plej grava pola scienca gazeto „Kosmos" en Lwow, krom la pola titolo aperigadis esperantlingvan kaj ĉe la fino de artikoloj li presadis anstataŭ la kutiman germanan, anglan aŭ francan esperantlingvan resumon. La titoloj estis: „El novaj esploradoj pri la faŭno de l' lago Bajkal" (1908). „Pri le dentoj malnormalaj en dentostatoj de l' suĉbestoj" (1909). „Pri la fingroj supernombraj de l' suĉbestoj" (1909).

Poste ekkoninte la utilan dummilitan poresperantan propagandon la maljunulo ellaboris en la jaro 1918 raporton pri Esperanto kaj sendis ĝin al tri polaj universitatoj kaj al la ĉeĥa universitato en Praha. Li proponis, ke oni kreu ĉe la universitatoj katedron de Esperanto, por preparo de lernejaj instruistoj. Lia propono restis bedaŭrinde ĝis nun senefika. Tiam D-ro Dybowski skribis en la Lwova ĉiutaga gazeto „Nova Polujo" („Nowa Polska") 1919, N-ro 22, tre fajran kaj fervoran poresperantan artikolon, samtempe akre kritikante la konduton de la universitatoj kontraŭ Esperanto.

El tiu ĉi agadmaniero ni vidas, kiel vera homamiko kun altaj kaj noblaj sentoj estas Dybowski. Plej bone karakterizas lian pensmanieron la laŭvorte tradukita citaĵo el lia supre menciita pollingva artikolo pri Esperanto: „Tre prave diras Romain Rolland, ke „por ke la homaro interrilatiĝu oni devas antaŭe zorgi, ke ĝi interkompreniĝu reciproke." Sen internacia lingvo ne povas esti interkompreniĝo inter la popoloj. Tio ĉi estas leĝo, kiun devas kompreni niaj samnacianoj kaj ili devas per ĉiuj fortoj klopodi pri tio, por kio laboradas la kleraj homoj de ĉiuj nacioj. Ni iru per tiu ĉi nobla vojo, montrita de la genio de l' homeco!"

Kaj mi aldonus: ni sekvu kaj imitu la altcelan homaman pens- kaj agmanieron de la nobla scienculo.



# Turmentado de bestoj en la kuirejo

de *Elizabeth de Montgelas.*

Ni observu foje, kiel delikatnervaj virinoj procedas en la kuirejo, mortigante birdojn, fiŝojn, kankrojn ktp. Jen okazas kruelaĵoj multe superantaj la brutaĵojn de ĉasado kaj kiuj estas des pli malbonaj kaj punindaj, ĉar ili estus facile eviteblaj, pli facile ol dum ĉasado. Pro nepripensemo aŭ oportunemo oni grave pekas tiurilate kaj la malgajiga fakto estas, ke multaj virinoj jam tiom alkutimiĝis je tiaj agoj, ke ili tute ne plu konsideras ilin bestoturmentadoj. Aŭ ili mem faras tiujn kruelaĵojn, aŭ ili ne kontraŭdiras kiam la kuirejaj servistinoj tion faras.

El inter la multaj malindaj kaj senbezonaj turmentadoj, okazantaj en la kuirejo, mi volas elĉerpi nur kelkajn ekzemplojn. La anseron kaj alian kortbirdaron oni lasas malrapide finelsangi; eĉ ne la ĉefarterion de l' kolo oni malfermas, sed la nefakula mano tranĉas kaj pikas senplane sur la malfeliĉa kreitaĵo laŭ sia nescio. La plendindan anseron oni tranĉas en la nukon kaj la malrapide elvenantan sangon oni zorge kvirlas. La meleagron oni lasas pendadi dum horoj, alpenditan per la kruroj, por ke la sango eniĝu en ĝian kapon. Ĉio ĉi estas kruela turmentado. Kial oni do ne simple dehakas al ĉiuj birdspecoj la kapon? Ĉar la kapo devas resti sur la rostaĵo, kvankam neniu ĝin manĝas; sed malgraŭ ĉio la besto devas pro tio senbezone multe suferadi! La kruela nuktranĉo malfermas al la ansero nur malgrandajn arteriojn, la kolarterioj restas nedifektitaj, la spina medolo de l' vertebraro same. La finelsangado okazas ankaŭ, se oni dehakas al la bestoj la kapon. Estas konstatite, ke la koro, ankaŭ de besto rapide mortigita per senkapigo, funkcias ankoraŭ longe, pro tio okazas kompleta finelsangado.

La malfeliĉajn kolombojn, postkiam oni lasis ilin antaŭe dum horoj sen nutraĵo kaj akvo, sidi en netaŭgaj ujoj kaj atendadi sian finon, mortpremas nefakula „delikata" mano. Tute malrapide kaj kruele oni kunpremegas la malfeliĉajn, malgrandajn korpojn sub la flugiloj. La timigita rigardo de la, luktanta je aero, besteto, pri kiu la virinoj alie parolas nur kiel „ĉarmaj kolombetoj", ne elvokas kompaton ĉe la ekzekutistinoj de l' kuirejo. Ankaŭ la kolombojn oni senkapigu, sed ne deŝiru la kapon, kion faras kelkaj tute senkoraj homoj.

Tiuokaze mi volas mencii aparaton, nomatan „birdguilotino", kiun la Basel'a unuiĝo por bestprotektado enkondukis sur la birdfoirejoj en Basel kaj aliaj svisaj urboj, por povi mortigi rapide, sen turmentado, la birdojn aĉetitajn sur la foirejo. La kapo de l' besto estas metata sub la maŝino kaj la akra tranĉilklingo forigas ĝin rapidege. Ĉiuj mastrumantinoj volonte faras uzadon de tiu ĉi humana aranĝaĵo, des pli, ke la mortigo estas senkosta. La aparaton oni konstruis laŭ la projekto de la Basel'a unuiĝo. Ĉiuj unuiĝoj por bestoprotektado devus sekvi la ekzemplon de la Basel'a, sed ankaŭ hoteloj, malsanulejoj ktp.

Kiajn kruelaĵojn oni faras al la malfeliĉaj fiŝoj! Tre ofte oni senskvamigas ilin vivantajn, kelkfoje oni provas ilin mortigi per la tielnomata vostotranĉo. Oni fendas la voston kaj parton de la malantaŭa korpo, per kio oni kaŭzas al la fiŝoj dumhorajn turmentadojn, sed ne la morton. *Angilojn oni najlas* ofte vivantajn sur foston, poste senhaŭtigas ilin, kruelaĵo unuaranga. Aŭ oni dishakas la vivantan angilon. Fiŝon kaj angilon oni mortigas momente, disigante la kolvertebron, ĝuste malantaŭ la kapo, postkiam oni senkonsciigis ilin antaŭe per forta bato sur la malantaŭan kapoparton. Ankaŭ estas re-

komendinde, ekpreni la angilon per ambaŭ manoj, kiujn oni malglatigis per sablo, ĝin levi alten kaj fortege ĵetbati teren. Sed tiun ĉi mortigmanieron povas fari ĝenerale nur viroj.

Precipe senkore oni procedas en la kuirejo je la kankroj, al kiuj oni elŝiras la inteston el la korpo, deturnante la lastajn vostoplatetojn, nature antaŭ la morto. Ofte ankaŭ oni ĵetas ilin en nesufiĉe varmegan, eĉ en tute malvarman akvon kaj ekbolas ilin vivantajn. Oni ĵetu ilin nur en forte bolantan akvon kaj ĉiam nur en malgranda kvanto, ĉar alie la akvo malplivarmegiĝas kaj prokrastas la morton.

Kaj kruele oni kondutas ofte je la bedaŭrinda museto, kiu kaptiĝis dum siaj ŝteletadoj en la kuirejo! Oni lasas ĝin fali el la kaptilo en duone akvoplenan sitelon, kie ĝi turmentiĝadas longan tempon kaj suferas senmezuran mortotimon, ĝis kiam ĝi fine mortas. Aŭ oni metas la kaptilon en la malplenan sitelon kaj plenigas ĝin nur poste ĉe la akvokrano. Ankaŭ tio kaŭzas al la bestetoj nebezonajn turmentojn. La ĝusta estas: Oni metu la kaptilon en akvoplenan sitelon kaj pezigu ĝin per ŝtono. Tiamaniere la muso dronas plej rapide. Tute kruele kaj brute estas, se oni volas sin kvazaŭ venĝi je la muso, kruelege malbontraktante ĝin. La muso serĉas sian nutraĵon, kie ĝi plej facile ĝin trovas kaj tio nature estas tre ofte la kuirejo. Por la homo estas ja tiurilate multe pli oportune; la homo ne bezonas, kiel multaj bestoj *devas*, sin endanĝerigi por havigi al si sian nutraĵon. Tial la homo ankaŭ ĉiam montru indulgon kaj kompaton kaj ne malbonjuĝu pri ili, se ili do nur faras tion, kion la naturo ordonas al ili.

La homo estas tre malprava, nomante „kruelaj“ la rabobestojn. Leono kaj tigro mortigas sian viktimon, kiun ili bezonas por sia nutrado, rapide kaj certe. Ni lasas mortigi la bestojn per la buĉisto aŭ nia kuiristino kaj tio okazas ofte multe pli kruelmaniere ol ĝin faras la rabobesto. La diferenco do estas nur tiu, ke la rabobesto mortigas mem sub danĝeroj kaj penadoj kaj ni farigas la buĉadon plejparte per aliaj, ne zorgante ĉu tio okazas humane.

Se ni ĉe tablo memorus pri la turmentoj, kiujn malfeliĉaj, senkulpaj bestoj devas suferadi pro ni, rostaĵoj ne gustumus al ni kaj ni eldirus kun Jean Paul: „Justa ĉielo! El kiom da torturaj horoj de la bestoj la homo kunlutas unu solan festminuton de la lango!“

Trad. *Fritz Mayerhauser* (Bad Reichenhall).

* * *

*Noto de la Red.:* Tiuj kruelaĵoj instigis multajn noblajn homojn al vegetarismo pro indigno tute prava.

---

☆

**Vi parolas pri centmiloj da Esperantistoj! Pruvu ke estas almenaŭ dek mil. UEA beznas 10000 membr jn!**

☆ ☆ ☆ ☆ ☆



## LITERATURO



# La Kripla Pegazo

K. de Kalocsaj.

*Porko malsata sonĝas pri glano,*
*Pri la bombonoj sonĝas infano,*
*Esperantisto sonĝas — pri rimoj.*
*Ve, el la sonĝo venas la krimoj.*

*Krimoj de rimoj, verŝoj de versoj,*
*Sur la Parnaso grandaj renversoj.*
*Fulmas la frunt' sub haroj sen kombo,*
*Ĉiu poet' sin turnas en tombo.*

*Branĉon li tranĉas de la saliko,*
*Ŝalmon li faras kun artifiko,*
*Blovas la ŝalmon, batas la gongon,*
*Tordas la cerbon kiel la spongon.*

*Kun la Vortaro sankta de Rimoj*
*Li al ĉielaj altmalproksimoj*
*Rajdas fiere sur la Pegazo,*
*Lin bela Muzo gvidas — ĉe nazo.*

*Svarmas en versoj novaj belecoj,*
*Granda amas' el plej noblaj specoj.*
*Li al la frazoj kolon eltordas,*
*Kaj la finaĵojn simple demordas.*

*Pri la printempo, vintro kaj vento,*
*Sepdeksesfoje pri l' Nova Sento,*
*Pri Ŝi la kara, kiun li amas,*
*Versoj sonoras, trilas kaj — lamas.*

*Ĉion li provas, ĉion ekmovas,*
*Gloron eternan li por si kovas.*
*Rompas la ovon, rampas la ido*
*El la ovŝel', jen: estas ĝi — rido.*

*Ĉar ja, la homoj — granda bedaŭro*
*Metas foliojn sanktajn de laŭro*
*Ve, ne sur lian kapon glornoman,*
*Sed kun prefer' en supon terpoman.*

*Oni senhonte, jen, eĉ kritikas!*
*Hoko de moko akre lin pikas.*
*Diras kritika voĉ' serpentsibla*
*Lian Pegazon fajra — sed kripla.*

*Oni pri rimoj diras ke — surdaj.*
*Pri la arioj diras ke — gurdaj,*
*Pri lia voĉ' ke estas ĝi raŭka,*
*Pri la poeto mem, ke li sentaŭga.*

*Al la a.reso de la poeto*
*Venas sciigo en la gazeto:*
*Versoj la viaj, havu kuraĝon,*
*Estas tre bonaj — kovri fromaĝon.*

*Sed post ĉi tiu akra atenco*
*Ĉesas jam en li la pacienco.*
*Kaj li eksplodas kiel per briko*
*Forte frapita gala veziko.*

*Kiel ekzistus verso ja bona*
*En Esperanto la malbonsona!?*
*Tio ja estis tute malsprita:*
*Versi en lingvo fuŝefarita.*

*Kaj li riproĉas, plendas kaj ĝemas*
*Krias, mallaŭdas, muĝas, blasfemas,*
*Hurlas, malbenas, tondras sen brido*
*Kaj furioze iras al — Ido.*

☆

## Al ŝi

de *Puŝkin.*

*Mi amis Vin . . . kaj eble mia amo*
*Ne tute estingiĝis en la kor' . . .*
*Sed treme Vin ne tuŝu ĝia flamo,*
*Ne movu Vin nenia kundolor' . . .*

*Mi amis Vin senvorte, senespere,*
*Kaŝinte, ke envi' turmentas min . . .*
*Mi amis Vin silente kaj sincere . . .*
*Ho, Di! — alia tiel amu Vin!*

Trad. *Leo Belmont.*

☆

## Tomba Herbo

de *J. V. Sládek.*

*Nek trans maro vi forestas,*
*nek vi iris trans montaron,*
*sole tiu tufo herba*
*apartigas nun la paron.*

*Trans la montojn birdo flugas,*
*trans la maron vento blovas,*
*sed tra iom da herbaro*
*manon preni man' ne povas.*

El la ĉeĥa trad. *Rud. Hromada.*

## Novaj libroj.

**Fabeloj.** Plena kolekto. *Andersen.* Tradukis *D-ro L. L. Zamenhof.* Unua parto. 1923.
Esperantista Centra Librejo, 51 Rue de Clichy, Paris 9ᵉ.
152 paĝoj, 15×21 cm. Prezo: 6 fr. fr.

**Litova Almanako.** El litova literaturo, penso kaj vivo. 1923. Rekomendita de E. L. A.
Eldono de Litova Esperanto-Asocio, Kaunas, D. Vilniaus g. 34.
284 paĝoj, 12½×18 cm. Prezo: 6 lidoj (eksterlande: 3,50 fr. sv.)

**Joseph Rhodes** kaj la fruaj tagoj de Esperanto en Anglujo. Angle verkita de *John Merchant;* esperanten tradukita de *Louise Briggs.*
Eldonita de la Federacio Esperantista de Yorkshire.
Aĉetebla ĉe Brita Esperanto-Asocio, 17 Hart Street, London W. C. I.
144 paĝoj, 12½×18½ cm. Prezo: paperbindita 2/6. tolbindita 4/6.

**La reĝo Judeo.** Dramo en kvar aktoj kaj kvin bildoj. *K. R.* El rusa lingvo tradukis *V. Devjatnin.* Trarigardita de P-ro A. Dombrovski. Rekomendita de E. L. A. 1923.
Eldono de P. D. Medem, Kaunas (Litovujo), Smeliu g-vé 12.
182 paĝoj, 12½×18 cm. Prezo: broŝ. 4 lid., bind. 5 lid.

**Akbar.** Orienta romano. *P. A. S. van Limburg Brouwer.* Tradukis *J. C.* kaj *J. R. G. Isbrucker* kaj *J. Ziermans.* 1923. Rekomendita de E. L. A.
Eldono de la tradukintoj: 's-Gravenhage (Nederlando), v. Beverningkstraat 10.
256 paĝoj, 12½×18 cm. Prezo: 2 fl. ned.

**Eklumo en la Abismo.** *Henri Barbusse.* Kun permeso de la aŭtoro esperantigita de *Else.* Rekomendita de E. L. A. 1923.
Sennacieca Asocio Tutmonda. Eldona fako kooperativa, Düsseldorf, Luisenstrasse 97.
96 paĝoj, 12×18 cm. Prezo: broŝ. 3 fr. fr., bind. 5 fr. fr.

**Bukedo.** Kolekto de literaturaĵoj originalaj kaj tradukitaj de diversnaciaj aŭtoroj. Revizita de *Zanoni.* 1 a volumo. 1923.
T. k. H. Jung, Horrem bei Köln, Germanlando.
88 paĝoj, 12×18 cm. Prezo: 1 fr. sv.

**Bukedeto.** Sep diversnaciaj rakontoj. *Margarethe I. Krestanoff.* Kun antaŭparolo de Marie Hankel.
Sudgermana Esperanto-Eldonejo, Oskar Ziegler, Deisenhofen b. München.
48 paĝoj, 12×16 cm. Prezo: 0,60 fr. sv.

**Sub la neĝo.** *J. J. Porchat.* Trad. *J. Borel.* 2a eldono. Esperanta Biblioteko Internacia, N-roj 29-31. 1923.
Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin k. Dresden.
120 paĝoj, 9½×14 cm. Prezo: 0,90 fr. sv.

**La Amkonkurantoj.** Triakta komedio originale verkita de *Reinhold Schmidt.*
Sama kolekto kiel la antaŭa, N-ro 32. Sama eldonejo.
45 paĝoj, 9½×14 cm. Prezo: 0,30 fr. sv.

**Enciklopedia Vortaro esperanta-germana.** Unua parto. *Eugen Wüster.*
Ferdinand Hirt & Sohn en Leipzig.
136 (24) paĝoj, 17×25 cm. Prezo: 17,50 fr. sv.

**Esperanto-Handwörterbuch.** Teil 1. Esperanto-Deutsch. *Bennemann.* 1923.
Ferdinand Hirt & Sohn en Leipzig.
160 (16) paĝoj, 11½×17 cm. Prezo: 4,40 fr. sv.

**Esperanto-Briefwechsel** für den Kaufmann. *Max Butin* und *Friedrich Jahn.* Deutsch-Esperanto-Bücherei N-ro 5.
Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin k. Dresden.
52 paĝoj, 12½×18 cm. Prezo: 0,80 fr. sv.

**Demandaro** pri la Historio, Literaturo kaj Organizaĵoj de Esperanto. *R. de Ladevèze.* Reviziita kaj kompletigita de *P-ro D-ro Göhl.* 1923.
Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin k. Dresden.
112 paĝoj, 11×16 cm. Prezo: 1,30 fr. sv.

**La Esperantisto en Germanio.** Gvidlibro por la germana lingvo. *Hans Koch.*
Sudgermana Esperanto - Eldonejo. Oskar Ziegler, Deisenhofen b. München.
184 paĝoj, 12×16 cm. Prezo: 3,50 fr. sv.

**Spoken Esperanto.** By the direkt method. Compiled and Published by *Norman W. Frost.* Cambridge 38, Mass. U. S. A. 1923.
92 paĝoj, 15×23 cm. Prezo: broŝ. 0,50, bind. 1 dolaro.

**Jarlibro 1923.** *Sennacia Asocio Tutmonda.* 23 Rue Boyer, Paris 20ᵉ.
212 paĝoj, 12×17 cm. Akirebla per membreco.

**Korekto de la Eraraj Tradukoj en Universala Vortaro.**
Pola parto.
Sama verko, rusa parto.
Kolekto de la Akademio. 1923.
Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Wilms-Strasse 5, Berlin S. W. 61.
Ĉiu: 4 litografiaj paĝoj, 16×25 cm. Prezo: 0,30 fr. sv.

**Nationernas Förbund om Esperanto som Internationellt Hjälpsprāk.** (Sveda traduko de la Raporto pri Esperanto ĉe l' Ligo de Nacioj.)
Förlagsföreningen Esperanto, Stockholm.
60 paĝoj, 12½×20 cm. Prezo: 50 öre.

# INTER NI

La tragedia morto de D-ro Pollen forte impresis ĉiujn esperantistojn, kiuj konis lin. Malsana, maljuna, sed ĉiam entuziasma, la fama kolonelo serĉis ripozon sur tiu insulo Man, kiun li tiom ŝatis. Kun sia verda stelo ĉe la vesto kaj esperanta broŝuro en la poŝo li promenadis sur la marbordo, altkreska, bonhumora, kun la ronda senbarba vizaĝo ĉiam lumigata per larĝa bonkora rideto, irlandane malica.

Unu tagon li malaperis, ne revenis hejmen. Oni serĉas. Oni demandas. Oni telegrafas dise kaj ree. Neniu novaĵo. Subite, post longaj semajnoj, mallumaj ondoj de l' maro aljetas grandan homan korpon sur la bordon ie norde en Skotlando. Per la stelo, per la broŝuro en la poŝo, la personon oni rekonas. Tiel mortis kolonelo Pollen, mistere kaptita de tiu vasta maro, kiu fine konfesis sian krimon.

Kiu ĉeestis la Bulonjan, la Ĝenevan aŭ super ĉiuj la Kejmbriĝan kongreson, tiu neniam forgesis la elokventecon de tiu granda, forta kaj gaja prezidanto Vera oratoro kun voĉo varma kaj akcento ĉarme angla, li trafis la korojn per nobla idealo kaj kurigis ja ridon sur ĉies lipoj per bildoj kaj ŝercoj neatenditaj.

Ion tute unikan li posedis, ion genian kaj propran, neniam retroveblan ĉe alia. La Britan Asocion li prezidis kun ĝojiga vigleco, inspirema al ĉiuj. Anglajn aŭ irlandajn aŭdantarojn li konvinkis per tiaj propagandaj paroladoj, pri kiuj vi tute ne povus imagi, se vi neniam aŭdis unu.

Hindajn princojn li alkondukis al nia kongreso. Ĝis persaj montoj li konigis nian aferon vojaĝante kun valizo plena je ŝlosiloj en ĉiuj eblaj lingvoj. Tiom amikema kaj samtempe impona li estis, ke la ŝipestroj volonte flirtigis la verdan standardon en havenoj de Marseille aŭ Konstantinoplo kiam kolenelo Pollen surestis.

Lia kulturo kaj amikaro estis riĉega. La tuta Oriento lin konis kaj li konis ĝin. Krom nian lingvon li parolis la hindan, la rusan, eĉ la persan! Vere li estis ideala prezidanto kun irlanda bonhumoro, angla praktikeco kaj universala komprenemo.

Ploras ni lian morton. Ĝis la lasta monato li skribis ankoraŭ leterojn de kuraĝigo, sekvis ĉion, ĝojis pri sukcesoj, simpatiis pri malfacilaĵoj. La premon de lia forta mano neniu povis iam forgesi. Amikon, oran koron ni ploras.

Tamen plorojn li tute ne ŝatus. Pensante al li, en lia maniero kaj spirito, pli nature estus ronde stari ĉirkaŭ nia grupa tablo kaj, tenante unu alies manojn, ekkanti laŭ la angla ritmo el plej profundo de niaj koroj: „Li estis bonegulo, li estis bonegulo, ĉiuj konsentas ni!“

* * *

Nu, estas ja bone kaj tute meritite, ke la Ligo de Nacioj malakceptis la malsaĝan rezolucion de la „Intelekta Komisiono“, kiu rekomendis lernon de fremdaj lingvoj anstataŭ helpa mondlingvo. Tio restarigis la ekvilibron je nia favoro kaj montris, ke eĉ diplomatoj estas foje malpli pedantaj ol famaj filozofoj.

Vi iras al vendisto: „Bonan tagon, Sinjoro, mi ŝatus aĉeti pluvombrelon, mi ĝin tre bezonas, eĉ urĝe.“

— Ombrelon? Ĉu eble, Sinjoro? Fi, tio ne estas inda je vi. Mi vendos al vi aŭtomobilon, luksan Fiat aŭ usonan Ford, kaj neniam la pluvo vin ĝenos.“ Kion vi faras post tia respondo? Vi iras al alia butiko por aĉeti vian ombrelon. Tute simple.

La popoloj, ĉefe la negrandaj kaj la orientaj, deziras helpan mondlingvon. La Ligo komunikis tiun deziron al la „Intelekta Komisiono“. Ĝi respondis kiel la unua vendisto. La Ligo malŝatis la respondon kaj, serĉante alian butikon, la popoloj turnos sin al ni, la esperantistoj, kies laboro alportas la deziratan solvon. Ni ne proponas luksajn veturilojn al la malriĉa publiko, ni proponas bonan ombrelon, ĝuste tion, kion ĝi bezonas. Ĉu posedo de ombrelo malebligas akiri aŭtomobilon? Tute ne.

* * *

En tiu fama komisiono, tiel sonore vangfrapita pro ĝia malsaĝa rezolucio, troviĝis du filozofoj. Unu estis tre relativa, eĉ relativega. Pro tio li eksiĝis antaŭ ol la komisiono ektuŝis la demandon pri mondlingvo. Iom poste ni aŭdis, ke li honorprezidis la kongreson de SAT en Kassel, ĉar li trovas Esperanton necesa al la tutmonda laboristaro. Estas domaĝe, ke li ne restis por diri tion ĉe la tablo de l' intelektuloj.

La alia filozofo estas pli absoluta. Li trovas ĉion tre simpla. Feliĉa viro! Jen la traduko de lia prezidanta parolado kontraŭ arta lingvo antaŭ la voĉdono de la komisiono, laŭ lia propra teksto:

„Metita tiel antaŭ la komisiono, la demando fariĝas tre simpla. La celo de la Ligo de Nacioj estas alproksimigi la popolojn. Ne temas pri tiu nur meĥanika alproksimigo per plifaciligo de interkomunikado: kiel ankaŭ nek telegrafo nek fervojo tion faris, tiel ankaŭ la komunika faciligo per artefarita lingvo ne rezultigos alproksimiĝon inter animoj. Por venki la antaŭjuĝon, kiu malebligas nin kompreni kaj ami alian nacion, nur du rimedoj ekzistas por ni: aŭ veturi en la landon kaj kunvivadi certan tempon kun ties loĝantoj aŭ, el malproksime, lerni ties lingvon kaj studi ties literaturon.“

— Pardono, Sinjoro filozofo, sed kiel ni veturu sen fervojo? Ĉu ne estas tie ia kontraŭdiro?

— Silentu, simplulo, grandaj filozofoj povas kontraŭdiri sin mem sen mallogikeco. Tute ne gravas. Cetere oni povas veturi aeroplane kaj al tiu rimedo, kvankam honte meĥanika, eble oni permesos, pro escepto, helpi al interfratiĝo, ĉar ĝi ja flugas tra l' ĉielo.

Nu, daŭrigis la fama filozofo en sia parolado, se mondlingvo sukcesos, oni ne plu lernos fremdajn lingvojn, do oni perdos la plej bonan rimedon alproksimigi la popolojn, do la Ligo de Nacioj, kies celo estas la paco, ne devus helpi al disvastigo de artefarita lingvo, kiu cetere jam sufiĉe sukcesos per si mem.

Ho, ombro de Zamenhof, ĉu vi aŭdis tion? Estas necese trovi famekonatan geniulon, kiel S-ro Bergson por alveni al tia konkludo: Esperanto malhelpas alproksimiĝon de la popoloj!

— Paĉjo, kion signifas „sofismo“? demandis dekdujara knabineto reveninte el lernejo.

— Demandu al filozofoj, karulineto. Ili scias.

Ni ne estu tro postulemaj. Ni ne povas devigi S-ron Bergson partopreni universalan kongreson de Esperanto kaj aŭdi kvarmil homojn de kvardek nacioj kune kanti „La Esperon“. Ni eĉ ne povas postuli, ke li legu la raporton de la Ligo de Nacioj pri Esperanto aŭ tiun de D-ro Nitobé pri la kongreso de Praha, en ambaŭ kiuj oni rimarkas pri la forta interfratiga influo kaj inspiro de esperantismo. Ni ankaŭ ne povas postuli, ke li legu la raporton de la Brita Ministrejo de Edukado, en kiu la reĝaj inspektoroj konstatas, ke lerno de Esperanto helpas postan studon de ceteraj lingvoj. Ne, tralego de broŝureto de Couturat pri Ido plene sufiĉis.

Cetere, por tiel altranga pensulo la faktoj tute ne gravas. Kelkminuta supera pripensado anstataŭas ĉiun studon. Vi ja konstatis la rezulton: neniu el ni estus estinta kapabla eltrovi tiel rimarkindan konkludon. Eĉ la diplomatoj de la Ligo estas tiel malkleraj, ke ili malakceptis la rezolucion. Nun ni povas kompreni kial la Ligo ne sukcesas pli bone repacigi la mondon

* * *

Oni rakontas, ke tuj post kiam la komisiono estis voĉdoninta per 6 voĉoj kontraŭ 4 la rekomendon al fremdaj lingvoj anstataŭ mondlingvo, japana scienculo, ĝis tiam tute silenta, ekstaris kaj diris: „Estimataj sinjoroj, post dek aŭ dudek jaroj oni ĉie afiŝos tiun rezolucion por nin ridindigi, ĉar tiam Esperanto estos jam de longe sukcesinta kaj ni tre bedaŭros tiun voĉdonon.“ Tuj la komisiono decidis aldoni la vortojn: „Ĝi ne neas la praktikajn avantaĝojn de artefarita mondlingvo, sed . .“ kvazaŭ asekuro kontraŭ eventuala estonta ridindeco.

Malgraŭ la asekuro, la bedaŭro atendis nek dudek, nek jam dek jarojn por alveni. Ĝi venis tuj post monato dum la kunsido de la Ligo, kiam ilia rezolucio malsukcesis.

 ESPERANTISMO 

# Centra Komitato.

La Centra Komitato oficiale dankis la Bulgaran Esperantistan Societon pro ĝia preteco inviti Kongreson en Sofia kaj pro ĝia disciplina rezigno post la decido de la C. K. okazigi la XVIan en Vieno. Projekto de tutbalkana kunveno kaj antaŭkongreso estas nun studata en Sofia kun aprobo de la registaro.

* * *

La Centra Komitato ricevis kaj komunikis al sia Kongresa Komisiono la konsistigon de la loka organiza komitato en Vieno kun S-ro Oskar Zimmermann kiel prezidanto kaj S-ro Franz Schade (Mollardgasse 55, Wien VI) kiel ĉeforganizanto kaj ĝen. sekr. La proponita dato estas 16 — 20 aŭgusto 1924.

* * *

La prezidanto de la Centra Komitato D-ro Privat veturis Parizon por diskuti kun generalo Sebert, honora prezidanto de K. R., S-ro Gabriel Chavet, fakestro de C. K. por internaj aferoj, kaj Prof. Th. Cart, ĵus reelektita prezidanto de l'Akademio, diversajn problemojn de la nunjara agado, interalie pri eventuala teknika konferenco dum aprilo en Parizo, kie kunsidos la Komerca Komisiono de UEA. D-ro Privat malfermis per parolado la vintran kunvenaron de la Pariza grupo antaŭ multnombra ĉeestantaro.

* * *

La Fakestro de C. K. pri Juro kaj Financoj, S-ro Page, ricevis pri K. R. informon, ke la Brita Asocio decidis pagi por niaj oficialaj institucioj ĉi-jaran kotizaĵon de £ 30, la Svisa Societo Fr. sv. 100 (£ 4) kaj la Ĉeĥoslovaka Asocio (Kĉ. 500 (£ 3).

# Esperantista Literatura Asocio.

*Novembra raporto.*

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos.

Peto! Niaj kolegoj ofte alsendas versaĵojn por kontrolo. Ĉi tio ja certe estas ĝojiga, ĉar nia lingvo estas belsona, kvazaŭ muzika, ĝi allogas al versfarado kaj rimado. La poemoj krom tio ĉiam elspiras amon al nia afero, entuziasmon kaj delikatan senton, ili montras fervoron kaj ofte pruvas talenton. Originaloj kaj tradukoj estas valoraj kaj volonte E. L. A. sin okupis pri ili. Tamen ni spertis la malfacilaĵon de la tasko. Nur malmultaj kolegoj kuraĝas prijuĝi, korekti kaj plibonigi versaĵojn: estas ja neeble tute kompreni la animsenton de la aŭtoro, kiu poezie esprimis sian pensadon. Li uzis la „vualon de la poezio", li elektis intence tiun aŭ alian esprimon kaj ne ŝatas ŝanĝon. Niaj poetoj ja ĝentile dankis kaj plej ofte akceptis la proponitajn ŝanĝojn, tamen E. L. A. ĉiam pli spertis la malfacilaĵon de tiu ĉi tasko. Tial ni petas, ke oni ne sendu tro da versaĵoj. Nur *tute perfekta* esperantisto verku aŭ traduku poemojn, kiam lia plej-interno lin nepre instigas al tio.

Ni aldonas, ke klara, ĉiel komprenebla proza stilo estas treege valora, ni ĝin senlace kaj diligente alceladu.

Aŭtoroj, kiuj tradukis aŭ verkis malgrandajn prozaĵojn aŭ poeziaĵojn, bonvolu ilin ne sendi al E. L. A., sed al redakcioj de gazetoj. Ĉiu gazeto havas sian kompetentan redaktoron, li ekzamenos la laboraĵojn, li akceptos aŭ malakceptos ilin. Redaktoro de gazeto ofte iom korektas manuskripton, se ĝi estas interesa, kvankam ne perfekta. Tial la agado de E. L. A. ne estas necesa por malampleksaj verketoj.

Ni jam ofte diris kaj ĉiam ripetas, ke nia Asocio ĉefe celadas la aperon de bonegaj, senriproĉaj libroj. Por ke ni akiru ĉi tiun celon, estas dezirinde, ke la kontrolonta kolego scipovu diversajn lingvojn. Ĉiu manuskripto estu unue legata de samideano samlingva kiel la aŭtoro. Tre dezirinde estas, ke E. L. A. sciu, kiujn lingvojn niaj kolegoj parolas kaj komprenas. S-ro H. Poensgen pravege tion proponas, kaj ni petas ĉiun kolegon, okaze skribantan al ni, ke li aŭ ŝi sciigu nin pri tio. Similan ideon esprimis S-ro Jurysta per tre saĝaj klarigaj proponoj. Li sin okupis pri la „Sekcioj de E. L. A." Li nomas ilin laŭlingvaj komisionoj kaj diras, ke ili estu la bazoj por la finlaboro de E. L. A. Liaj ideoj estas dankindaj kaj aprobindaj. S-ro Inocento Seriŝev, fame konata per sia libro pri Siberio, senlace en Ĥinujo laboras por nia afero. Li sendis gazeton „La verda ombro" kun interesa de li artikolo. Nur la fremdvorton „kominterno" ni ne komprenis. Lia kotizo estas definitive pagita, plia monsendo ne estas necesa.

En kelkaj gazetoj kaj libroj oni tro malavare uzas fremdvortojn. Ni vidis: kataklismo, alianco, antagonio ktp. Ni evitu ilin, ĉar ni ĉie volas esti komprenataj.

S-ro Markaŭ nun tradukas la romanon: „La reĝo de Rothenburg" de Paul Schreckenbach. S-ro Buloĉkin estas tradukanta laŭ Gogol la novelon „Vij". Pastroj Ashley Curry tradukis „Reĝo Lear" de Shakespeare*). S-ino Isbruecker sendis programon de la Haga unuiĝo: „Fine ĝi venkos".

Kotizon sendis: S-ino Isbruecker, Hago; S-ro Legrand, Montevideo, kaj S-ro H. Poensgen, Luettringhausen Rhl.

*Marie Hankel*, prezidantino.
*J. Zschepank*, vicprezidantino.

*) La tradukintoj akceptos antaŭmendojn por la baldaŭ presita verko. Oni mendu, sendante 2,25 ŝilingojn (malaltigita prezo pro antaŭmendo, poste ĝi kostos pli) ĝis la 30a de novembro al S-ro pastro Ashley, The Vicarage, Farnley Tias apud Huddersfield, Anglujo.

# Jarkunveno de la Svisa Societo en Bern.

La ĝenerala delegitara kunveno de S. E. S. en Bern renkontigis la 20 kaj 21 oktobro kvindekon da samideanoj. El la 19 lokaj grupoj, 16 sin reprezentigis per delegitoj disponantaj entute pri 350 membro-voĉoj (Baden, Basel, Bern, Bellinzona, Burgdorf, Genève, Lausanne-Grupo, Lausanne-Laborista „Zamenhof", Le Locle, La Chaux de Fonds, Locarno, Lyss, Montreux, Neuchâtel, St. Gallen, Zürich). Fondiĝis novaj grupoj en Herisan kaj Renens.

Honorprezidantoj de la kunveno estis Federala konsilisto D-ro Haab, svisa ministro de Transporto, kaj S-ro Ed. Junod, ĝen. sekr. de la Internacia Oficejo por Protekto de l' Indiĝenoj, kies bulteno aperas en Esperanto regule (30 rue Verdaine, Genève).

Sabaton posttagmeze sidis la Svisa Esp. Ekzamena Komisiono, prezidata de S-ro Jean Wenger, L. K., urbestra konsilisto por Instruado en Neuchâtel. 9 kandidatoj sukcesis la ekzamenojn por la diplomo. La nova prez. por 1924 estos S-ro George Stroele, L. K., la konata recenzisto de la novaj libroj en gazeto „Esperanto".

Sabaton vespere okazis en Bürgerhaus bela festo aranĝita de S-ro Perlet kun helpo de bernaj samideanoj. Unue paroladis ... el Londono la prezidanto de la Brita Asocio, S-ro John Merchant

per senladena telefonio. Emocie oni rekonis lian amikan voĉon kaj aŭskultis liajn salutvortojn en nia kara lingvo pere de aparato speciale instalita en angulo de l' ĉambrego. Danktelegramo tuj respondis al li.

Poste paroladis S-roj Schmid, Spielmann, Privat. Komedio, deklamoj kaj koncerto sekvis.

Dimanĉon matene kunsidis oficiale S. E. S. Oni akceptis la raportojn de la Prezidanto D-ro Privat, de la sekretariino F-ino Diekman, de la kasistino F-ino Bouvier kaj de kaskontrolantoj F-ino Dubois kaj S-ro Jakob. De 1921 S. E. S. kreskis de 10 grupoj kun 182 membroj al 19 grupoj kun 360 anoj pagantaj al la centra kaso.

Ĝenevo estis reelektita kiel ĉefgrupo kaj D-ro P. kiel prezidanto. Propono de S-ro Pedrazzini pri gazetservo estis akceptata. La komitato havos kiel korespondantojn por germanlingvaj kantonoj S-ron Fischer (St. Gallen), por franclingvaj S-ron Jayet (Morges) kaj por itallingvaj S-ron Pedrazzini.

La kotizo restos Fr. 1.— por grupanoj kaj Fr. 4.— por izoluloj. La ekzamena regularo ne ŝanĝiĝos. Tri rezolucioj estis unuanime akceptataj por aprobi la internacian elekton de la nova estraro de K. R. kaj de C. K. kun aparta gratulo pri la elekto de ĉina membro S-ro Kenn, por ke nia movado ne restu gvidata nur de eŭropanoj. S. E. S. pagos $^1/_4$ de siaj kotizaĵoj por subteni niajn oficialajn instituciojn.

Fine laŭ propono de S-ro Humberset (Le Locle) oni unuanime akceptis la jenan rezolucion:

„S. E. S. konsiderante la gravajn servojn de UEA por nia movado, rekomendas al ĉiuj siaj anoj fariĝi membroj de tiu centra internacia organizaĵo, kaj petas la estraranojn de la svisaj grupoj ĉiuokaze aboni la gazeton „Esperanto" oficialan organon de S. E. S."

Post dankesprimo de S-ro Ed. Stettler, prezidanto de UEA, la kunsido fermiĝis je 12.30 precize. Ĉe la posta komuna tagmanĝo oni legis salutojn de S-roj Haab, Etienne, Reber, Kunz kaj aŭdis parolojn de S-ro Junod, Schmid kaj Jean Borel, la unua vic-prezidinto de S. E. S. antaŭ 20 jaroj.

Posttagmeze la kongresanoj ekskursis al Muri.

La sola lingvo uzata dum la tuta kunveno estis kompreneble nur Esperanto, dum la svisa parlamento devas aŭskulti kaj tradukigi tri lingvojn oficialajn.

 LINGVAJ STUDOJ 

## Pri artikolo „la".

En la Fundamento rolo de la artikolo estas difinita duoble: en la Gramatiko (§ 1), kaj en la Ekzercaro — per la teksta uzado. La Gramatiko diras: „La uzado de l' artikolo estas la sama kiel en la franca, germana kaj aliaj lingvoj. Personoj, kiuj trovos ioman malfacilaĵon en ĝia uzo, povas tute bone ne uzi ĝin." En la Ekzercaro ni trovas oftajn ekzemplojn, kiu montras, ke Zamenhof unuflanke sekvas sian sistemon, tre precizan, de ĝia uzado kaj neuzado, aliflanke li rompas kun sia sistemo, kaj donas ekzemplon de tre libera, iufoje neorda, larĝa uzado kaj larĝa neuzado. Ĉu ekzistas ie sistema studo pri la artikolo en la tekstoj fundamentaj? Mi ilin ne konas. Sed ĝi estas deviga por ĉiu, kiu kuraĝus esprimi sian opinion; plimalpli argumentitan, pri la artikolo uzata, uzota, uzebla aŭ uzinda. Unu, cetere bona, sintakso rekomendas francan manieron kompreni la artikolon. Tio estas almenaŭ klara, sed tio kontraŭas fundamentajn tekstojn. Ni povus nin apogi sur la fundamentaj tekstoj, sed tiam ni irus kontraŭ klara bonsenco kaj logiko. Ni povus, laŭ Zamenhofa rekomendo, tute neuzi ĝin, sed tio estus ŝajne . . . tro revolucia reformo! Jen, ni turnas en „cirklo senelira", kaj malgraŭe, ni vivas, praktikas.

*P. Stojan*, L. K.

# Tra la Gazetaro.

∴ *„La lumturo"*. (Postfach 481, Bremen). Peresperanta politika gazeto tutmonda por la interesoj de la homoj. Krom ĉefe artikoloj pri Germanio la lasta numero enhavas jenajn sciencajn artikolojn: La homo kaj la universo, Pri historia elkalkulado, La germanoj antaŭ 20.000 jaroj, La tajdomotoro, Medicina klimatologio, Instigilo al vivforto, Fotografio kiel arto.

Oni tamen dezirus, ke kelkaj frazoj estu pli klaraj kaj pli internacie kunmetitaj. Jen ekzemplo:

„Laŭ la ĉe la „Frankfurter Sozietäts-Druckerei G. m. b H.", Frankfurt a. M., elirinta, de Hermann Wendel el la serba manuskripto germanigita eldono priparolata"!!

∴ *„British Esperantist"* en sia aldono „La Juna Lernanto" reproduktas tre interesajn taskojn de infanoj lernantaj Esperanton. Jen du el ili:

La lando kiun mi ŝatus viziti kaj kial.

La lando kiun mi deziras viziti estas Afriko, ĉar tie troviĝas mineraloj, oro, karbo kaj ŝtono. Mi ankaŭ ŝatus studi la kreskaĵojn kaj la florojn kiuj kreskas en tiu lando. Kiam mi estus tie, mi studus la strangajn aferojn kiuj loĝas en la arbaro kaj ne estas troveblaj en Anglolando. Se mi trovus ion kio estas tre interesa, mi sendus ĝin al la Botanikaj Ĝardenoj kiuj estas en la bela urbo London. Dum mia libertempo kun la indiĝenoj mi instruus al ili la morojn de la angloj. Poste mi pensas, ke mi tre ŝatus iri al Egiptlando por vidi la tombon de la reĝo kiu vivadis antaŭ 3000 jaroj. Mi ankaŭ ŝatus vidi la antikvajn preĝejojn kaj la piramidojn kiuj estis tie de 3000 jaroj.

*Arthur Rouse* (13-jara).

Pro kio mi ŝatus esti parlamentano.

Mi ŝatus tre multe iĝi parlamentano. La motivo, ĉar mi ŝatus tre multe paroli al miloj da homoj. Mi provus malpliigi prezojn de nutraĵo kaj plibonigi la komercon. Ankaŭ mi provus havi pli da domoj, kaj mi farigus pli bonajn loĝojn por la malriĉaj homoj. Mi metus pli da policanoj en la centroj de krucvojoj en grandaj urboj por malebligi akcidentojn, kaj mi ankaŭ havus paperkorbojn por ke la homoj enmetu paperojn kaj fruktŝelojn en la stratoj. Mi provus mian eblon helpi la hospitalojn kaj resanigajn hejmojn. Homoj kiuj iĝos parlamentanoj devas esti tre riĉaj. Antaŭ mi estus parlamentano, ĉiuj homoj devus voĉdoni, kaj se mi havus la plej multajn voĉdonojn mi iĝus parlamentano.

*Gladys Hargreaves* (12-jara).

∴ *„Agu"*, estona nacilingva revuo tradukis kaj represis la artikolon de la Jarlibro de UEA pri skriboj.

∴ *„Novaj Tempoj"* (Klemmstr. 14 p., Leipzig-Connewitz) enhavas kiel kutime diversajn interesajn artikolojn pri popoledukado. L. Tolstoj kaj libereca lernejo, Senŝtata lernejo, Pri eksterlerneja eduko en Siberio, La lernejo „Gioiosa" en Milano. Ĉu oni sukcesos internaciigi ian eduksistemon? Ankoraŭ pri la metodo de Maria Montessori ktp.

∴ *„Golden Age Esperantist"* (Box 223, City Hall Station, New York), nova gazeto en angla kaj esperanta lingvo estas eldonita de la Biblio-Studanta Asocio. Tiu vasta organizaĵo kiu havas reprezentantojn en ĉiuj landoj ne nur profite uzos Esperanton sed ankaŭ diskonigos nian lingvon per sia gazeto ambaŭlingva. Necesas, ke ĉiu esperanta grupo atentigu pri siaj kursoj la lokajn reprezentantojn de la Biblio-Studanta Asocio (Orepoka Presejo).



# Internacia Asocio de la Esperantistaj Fervojistoj

## OFICIALA INFORMILO.

Aperas ĉiumonate.

**Jarkotizo:** 6 fr. sv. (por membroj de tie ĉi ne nomitaj landoj) 6 ŝil. ang. 12 fr. (fr., belg.), 15 Kč., 15 lir., 6 jen jap.

Malbonvalutanoj el Aŭstrio, Germanio, Polio kaj Rusio pagas 1 fr. sv (nove aliĝantaj membroj 2 fr. sv.) La Informilon ricevas *senpage* ĉiu I. A. E. F.-ano kiu pagas la asocian jarkotizon.

*Redaktoro*: Josef Blažek, inspektoro, Olomouc, Müllerova 24 (Ĉeĥoslovakio) (akceptas ĉiujn manuskriptojn por la Oficiala Informilo).

*Kasisto*: Emanuel Kubásek, revizoro, Plzeň, Lobezská 12 (Ĉeĥoslovakio) (akceptas ĉiun monon por la I. A. E F. kaj la Oficiala Informilo)

(Aliĝo al UEA estas rekomendata al ĉiuj I. A. E. F.-anoj).

### MODELO DE ALIĜILO.

(Skribu legeble sur p. k. ktp.)

1. Familia nomo ..........
2. Antaŭnomo ..........
3. Profesio .......... (en Esperanto)
4. Oficejo (direkcio, stacio ktp.) .......... (en Esperanto)
5. Gepatra lingvo .......... (en Esperanto)
6. Nacieco .......... (en Esperanto)
7. Strato kaj numero ..........
8. Urbo ..........
9. Provinco ..........
10. Lando (ŝtato) ..........
11. Mi ne — estas MA — M de UEA.

Morala devo de ĉiu nia ano estas, ke li alvarbu almenaŭ unu novan membron

La Komitato decidis en sia kunveno okazinta la 30. 9. 1923 en Praha, ke nia Oficiala Informilo aperadu de post novembro 1923 en „Esperanto" *ĉiumonate*. Ĉu ni faros nur unu kolonon ĉu paĝon aŭ eble du plenajn paĝojn, tio dependas de la fervoreco de niaj membroj. Se I. A. E. F.-membroj pagos ĉiam precize senhezite la jarkotizon fiksitan en la fervoja jarkunveno, vidu la kapon de tiu ĉi informilo, se la I. A. E. F.-estraro sukcesos trovi en ĉiu lando spertajn, fervorajn kunlaborantojn, krom la asesoroj eĉ multenombrajn perantdelegitojn, tiam sukcesos la I. A. E. F. redakcie pligrandigi kaj pliriĉigi la enhavon de nia Oficiala Informilo.

Nuntempe ne mankas la redakcia materialo, sed mankas la financoj. Ni ne povas postuli de UEA, ke ĝi publikigu niajn sciigojn, informojn, diversajn pritraktaĵojn ktp. senpage. La I. A. E. F.-Komitato forte esperas, ke ĉiuj niaj ĝisnunaj membroj, kiuj ankoraŭ ne pagis la jarkotizon per 1923/24 tuj plenumos sian organizan devon pere de landasesoroj aŭ perantdelegitoj. Legu la „Fervojisto"n, N-ro 1, „Esperanto"n, aŭgusto-septembro-numero.

La redakcio povas garantii precizan, rapidan publikigon nude manuskriptoj skribitaj *nur unuflanke kaj tre legeble* sur sufiĉe granda papero, ĉar nuntempe ekzistas neniaj redakciaj kunlaborantoj. La redakcio de O. I. ŝatos ĉiam seriozajn, sincerajn dezirojn de niaj aktivaj membroj rilate plibonigon de enhavo de nia O. I.

### Fervoja kunsido en Nürnberg, 3 aŭgusto 1923.

Jenaj lando-delegitoj parolis:

1. S-ro John J. Birgett mallonge raportante salutis ĉiujn ĉeestantojn por Anglujo.
2. S-ro August Sonno, Estonio, lia raporto aperos aparte.
3. S-ro Arno Salonen, Finnlando, tralegis raporton de S-ro asesoro Salokannel, aperos aparte.
4. S-ro Georg Habellok salutis por Germanujo, menciinte la malhelpaĵojn rilate la fakvortaron, ĉar enskribiĝis sin kiel kunlaboranto nur unu kolego.
5. S-ro Franco Ramolfo mallonge sincere salutis por Italio.
6. S-ro Shinji Chtsuki anoncis nombron de 100 samideanaj fervojistoj en Tokio kaj deziris al I. A. E. F. plej bonan sukceson, li kore salutis por Japanujo.
7. S-ro H. Bonnevie, nia ĉiujara kongresgasto, mallonge salutis kiel fervojisto el Norvegujo.
8. S-ro Mikaelo Valentinov, asesoro por Rusujo, kies interesa raporto aperos en estonta O. I.
9. S-ro Georg Henrichsen, Danujo, rimarkigis, ke nuntempe li persone reprezentas la tutan danan membraron.

La programpunktoj 3 kaj 4 estis laŭ propono de la plimulto kunligitaj, sed tiu grava afero montris la bezonon, daŭrigi la laboron, kunvoki duan kunsidon lunde je la 8-a hore matene.

Lunde la 6-an de aŭgusto estis, laŭ la decido en la unua kunsido, daŭrigita la traktado pri la fakrevuo kaj jarkotizo.

S-ro D-ro Döhler de la Internacia Scienca Asocio kiel gasto priparolis aliĝon de I. A. E. F. al la nomita asocio kaj klarigis la financan flankon, S-ro vicprezidanto dankis por tre interesaj klarigoj kaj skizis la duan proponon, t. e. aliĝo al UEA, kio estis principe akceptita.

Al la 6-a programpunkto proponis S-ro vicprezidanto kiel revizorojn S-rojn Steiner, Aŭstrio, kaj Urbanec, Ĉeĥosl.

Liberaj proponoj: S-ro Steiner proponis, la kunlaboradon de sinjoroj asesoroj laŭ jenaj direktlinioj:

1. Informi taŭge la registaron, plej unue la ministerion por fervojaj aferoj pri graveco de Esperanto-movado en fervojaj interrilatoj internaciaj.
2. Prezenti tiurilatajn argumentojn kaj urĝi la korespondadon inter diverslingvaj fervojadministradoj pruvante, ke helpe de Esperanto oni ŝparos multe da mono kaj tempo bezonataj por traduklaboroj.
3. En la vagonaroj precipe rapidvagonaroj trapasantaj la ŝtatlimojn estu destinita ĉiam almenaŭ unu konduktoro, kiu povas paroli Esperanton. Por tiu celo estas necese fari tuj propagandajn paroladojn kaj gvidi kursojn kun fervojistoj, kondiĉe, ke ili aliĝu al I. A. E. F.
4. Staciestroj, ĉefe de limstacioj, estu esperantistoj, por ke ili povu informi fremdajn travojaĝantojn en la internacia lingvo Esperanto.

Por tiu celo la fervojdirekcioj bonvolu afiŝi por ĉiu bone videblajn sciigojn, ke ĉiu demandanto ricevos en oficejo aŭ ĉe la kaso deziratajn informojn.

Oni elektis poste jenajn novajn asesorojn:

Anglujo: S-ro J. J. Birhett, fervojisto, Moor-Row, 16 Church Street.
Aŭstrio: S-ro H. Steiner, ferv. insp., Bisamberg 248 apud Wien.
Ĉeĥoslovakujo: S-ro K. Urbanec, ferv. insp., Praha-Karlín, Riegrova 8.
Danujo: S-ro G. Hinrichsen, trafikkontrolisto, Kopenhago, Lilleröd, Villa „Aggebo".
Italio: S-ro F. Ramolfo, sekretario, Torino 18, Via Governolo 24.
Japanujo: S-ro Shinji Ohtsuki, sekretario, Tokio, Fervojministerio.

Nia asesoro por Aŭstrio, S-ro H. Steiner, bone kaj fervore plenumas sian funkcion. Li raportis jam al la prezidanto de aŭstriaj fervojoj, ke I. A. E. F. forte deziras, ke la diverslandaj fervojaj administracioj ekkomencu korespondi esperante; tiamaniere oni evitos la sennombrajn, senĉesajn kaj ofte tre fuŝajn tradukojn de reklamacioj, por kiuj oni devas elspezi multe da mono kaj oferi multe da tempo ktp. Se ankaŭ S-ro Ministro por Fervojaj Aferoj simile favore kaj serioze pritraktiĝos nian deziron, tiam ni povas esperi, ke baldaŭ ni aŭdos pri Esperanto-korespondado ĉe la fervojoj.

ILEPO agas simile, vigle kunlaborante por Esperanto, ĉar ili diligente kolektadis dum la XVa subskribojn de interesuloj, kiuj deziras la enkondukon kaj praktikan uzadon de Esperanto en rilatoj poŝtaj, telegrafaj, telegrafsenfadenaj kaj telefonaj.

La nomitajn listojn de multaj eminentaj personoj esperantistaj kaj neesperantistaj subskribitaj kun tiurilata petskribo adresos la Internacia Ligo de Esperantistaj Poŝt- kaj Telegraf-Oficistoj (ILEPO) al la Internacia Poŝt- kaj Telegraf-Unuiĝo en Bern, Svisio.

## LIBERTEMPA RESTADO

En ĉi tiu rubriko ni publikigos la nomojn de aktivaj membroj de I. A. E. F., kiuj volas sian libertempon pasigi ĉe alilandaj samideanoj kompense por restado de tiuj ĉe ilia familio.



# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO.

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron.*

**Kotizoj:** Oficialaj prezoj en svisaj frankoj. *Membro* (M) *5 Fr. Membro-Abonanto* (MA) *12,50 Fr. Membro-Subtenanto* (MS) *25 Fr.* La MA kaj MS ricevas la gazeton. — *Membro-Dumviva* ricevanta la gazeton kun ĉiuj oficialaj dokumentoj: *300 Fr.* (Partopagoj trijaraj po 100 Fr., sed neniu nacia prezo kiel ĉe aliaj membro-kategorioj. — Naciaj prezoj por M, MA, MS:

**Argentino:** P. oro: 3, 7,5, 15; **Aŭstralio:** Ŝil. 5, 12|6, 25; **Aŭstrio:** Kr. 25, 50, 200; **Belgio:** Fr. 10, 25, 50; **Brazilo:** Milr. 6, 15, 30; **Britlando:** Ŝil. 5, 12|6, 25: **Bulgario:** L. 45, 100, 300; **Ĉeĥoslovakio:** Kr. 20, 45, 100; **Danmarko kaj Islando:** Kr. 5, 12,50 25; **Estonio:** Mk. 50, 125, 300,000; **Finnlando:** Mk. 25, 60, 120; **Francio:** Fr. 10, 25, 50; ***Germanio:** Mk. or. 1,60, 3,20, 12; **Greklando:** Dr. 25, 80, 300; **Hispanio:** Pes. 6, 15, 30; ***Hungario:** Kr. or. 2, 4, 15; **Irlando:** Ŝil. 5, 12|6, 25; **Italio:** L. 12, 30, 60; **Japanio:** J. 2, 5, 10; **Jugoslavio:** D. 40, 80, 225; **Latvio:** L. 5, 10, 30; **Litovio:** L. 5, 10, 30; **Nederlando:** G. 2.50, 6, 12; **Norvegio:** Kr. 5, 12.50, 25; ***Pollando:** Zlot. 2,50, 5, 15; **Portugalio:** Esk. 10, 25, 75; **Rumanio:** L. 80, 200, 600; **Svedlando:** Kr. 4, 10, 20; **Svislando:** Fr. 5, 12,50, 25; **Turkio:** P. 75, 200, 500; **U. S. A., Kanado, Kubo, Centra Ameriko:** Dol. 1, 2,50, 5. — El aliaj landoj oni pagu laŭ la oficiala prezo en svisaj frankoj.

*) Por Germanio, Hungario kaj Pollando en ora mono: Bazo: 1 Mk., Kr., Zlot. = 1.25, 1, 1 svisa franko, pagebla laŭ taga kurzo en papermono.

La helpmembroj (HM) estas kategorio kreita favore al jenaj landoj kun tre malalta monkurzo: Aŭstrio: Kr. 10000; Germanio: Mk. or. 0,60; Hungario: Kr. or. 0,75; Pollando: Zlot. 0,75; Rumanio: L. 30. La helpmembroj ĝuas ĉiujn rajtojn escepte la ricevon de la jarlibro kaj gazeto.

La Entreprenoj de UEA (komercaj firmoj, societoj k. t. p.) pagas jare la oficialan aŭ nacian prezon kiel la MA. La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro kaj rajtas uzi la servojn de informpetado.

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando) — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Svisa Poŝtĉeko: I. 2310. — Poŝtĉeko en Aŭstrio: Postsparkassenamt Wien, Konto 105439. — Poŝtĉeko en Ĉeĥoslovakio: No. 79236, Praha. — Poŝtĉeko en Germanio: No. 90850, Frankfurt am Main. — Poŝtĉeko en Pollando: No. 190576, Warszawa.*

---

**Fino de l' administra jaro 1923.** — Pro neapero de la Oficiala Informilo de post julio, kelkaj komunikoj prokrastiĝis. Ni konigas la nomojn de la personoj aliĝintaj kiel subtenantoj.

**Subtenantoj.**

*Sepa — dekunua listo:*

123. S-ro Bengt Arre, Linköping; 124. S-ro Ferdinand W. Breth, Petrolia; 125. S-ro F. J. Schade, Wien; 126. S-ro D-ro V. Robin, Varsovio; 127. S-ro Wilh. Matthey, Le Locle; 128. S-ro Vlad. Godlowski, Pabjanice; 129. S-ro Th. Thorsteinsson, Rejkjavik; 130. S-ro Maurice Hyde, Rabaul; 131. S-ro Josef Ewald, Praha; 132. F-ino E. Meyer, Dietikon; 133. F-ino Eliŝka, Koĉvarova, Rkycany; 134. S-ino Sauerbier, Scheveningen; 135. S-ro Em. Cherblanc, Tarare; 136. S-ro H. Jakob, Genève; 137. S-ro John W. Bishop, Upper Montclair; 138. S-ro Hyman Levine, Denver; 139. S-ro Albert Norris, Alvarado; 140. S-ro Fernand Gouttenoire de Toury, Paris; 141. S-ro Fadrique Fernandez, Mexico; 142. S-ro C. D. Boersma, Krian, Java; 143. S-ro D-ro Gianfranceschi, Buffalo; 144. S-ro Aguila Galan, Jaen.

**Administra jaro 1924.** — Ni informas, ke la nova administra jaro komenciĝis la 1 novembro. La delegitoj intertempe ricevis la Oficialan Bultenon N-ro 9, kiu temas pri la Jarlibro 1924. Je la 15 novembro estas forsendota la Oficiala Bulteno N-ro 10, pri la administrado. Ni resume konigas la ĉefajn aferojn:

**Jarlibro 1924.** — Ĉiuj tekstoj, korektoj, ktp. devas alveni ĉe la Centra Oficejo en Genève la

*15 Decembro 1923.*

Por ke ni povu aperigi la jarlibron pli frue, necesas nepra observo de la fiksita limtago.

a) *Reklamoj:* La originala prezo restas la sama, 50 Fr. la paĝo, 25 Fr. por duonpaĝo kaj 12,50 por kvaronpaĝo kaj rilataj favorprezoj. Ni memorigas, ke reklamoj pri alkoholaj trinkaĵoj, militistaj kaj politikaj libroj, sekretaj drogoj ne estas akceptataj. Nacia prezo por tuta paĝo: Aŭstrio 200 mil. Kr.; Belgio kaj Francio: 100 Fr.; Brazilo: 60 Milr.; Britlando: 40 Ŝil.; Bulgario: 400 L.; Ĉeĥoslovakio: 160 Kr.; Danmarko kaj Norvegio: 50 Kr.; Estonio: 1200 Mk.; Finnlando: 200 Mk.; Germanio: 15 Mk. or.; Greklando: 300 Dr.; Hispanio: 60 P.; Hungario: 16 Kr. or.; Jugoslavio: 300 Kr.; Italio: 120 L.; Latvio kaj Litovio: 40 L.; Nederlando: 24 G.; Pollando: 20 Zlot.; Portugalo: 100 Esk.; Rumanio: 800 L.; Svedlando: 36 Kr.; Turkio: 800 P.; USA, Kanado, Kubo kaj Centra Ameriko: 10 Dolaroj.

La prezon por 1/2 kaj 1/4 paĝo oni trovas dividante la suprajn ciferojn per 2 aŭ 4.

b) *Entreprenoj:* La kotizo estas la sama kiel tiu de Membro-Abonanto. (Vidu la tabelon, ĉe la komenco de l' Oficiala Informilo).

c) *Esperantistaj renkontejoj:* La listo de Esperantistaj renkontejoj enhavas la adresojn de hoteloj, gastejoj kaj restoracioj kie kunvenas la Esperantistoj. Kosto de enskribo, ampleksa 4 linioj: 5 Fr., sama kiel la kotizo de Membro, laŭ la tabelo.

**Kotizoj 1924.** — Por diversaj landoj la prezoj estis ŝanĝitaj laŭ la nunaj cirkonstancoj; la plimulto tamen restas samaj dank' al la stabiliĝo de la mono. (Vidu la tabelon ĉe la komenco).

Kiel dum 1923 la subtenantaj membroj ricevas krom la kutimaj gazeto kaj jarlibro, pakaĵon de valora esperanta literaturo, laŭ nia elekto. Ĉiu persono, deziranta helpi al UEA kaj kies rimedoj ne permesas la akiron de atesto al la Garantia Kapitalo, nepre aliĝu kiel subtenanto, paganta duoblan kotizon de MA. La C. O. akceptas, la pagon de subtenanta kotizo po duonoj por faciligi al pli multaj samideanoj la aliĝon.

**Interrilata Adresaro.** — Ĝi ne plu aperos. Anstataŭ ĝi ĉiu membro, rajtas aperigi du korespondanoncetojn en speciala aldono de la gazeto. La membroj dezirantaj partopreni devas esti pagintaj la kotizon por 1924 kaj ensendi du pretajn tekstojn sur folio sen aliaj informoj. La maksimumo de vortoj kun adreso po anonceto estas 25.

**Delegitoj.** Delegitoj estas elektitaj:

*Alais* (Francio, Gard). — D.: Fernand Laval, kom. reprezentanto, 181 Grand' rue.

*Arcos de Valdeves* (Portug, Minho). — D.: S-ro José Maria da Silva, bienposedanto, rua Alex. Herculanum 26.

*Bloomington* (U. S. A., Ill.) — D.: S-ro C. H. Gibbons, instruisto, Home Sweet Home, City Resc. Mission.

*Břeclava* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Adolf Stratil, bankoficisto, Nádažní ul. 19.

*Camaguey* (Kubo). — D.: S-ro Jorge Juarez Cano, prokuristo, Calle Sociedad Patriotica 3 E.

*Deurne* (Nederlando, Noord Brabant). — D.: S-ro A. L. A. Swinkels, komercisto, Haageind 244.

*Dvůr Králové* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Josef Nosek, bankoficisto, No. 72.

*Gelsenkirchen* (Germanio). — D.: S-ro Robert Bollermann, poŝtdirektoro, Vohwinkelstrasse 5.

*Hořice* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Bedřich Munzar, ekspedisto, Otakarova 528.

*Ipswich* (Brit. Suffolk). — D.: S-ro F. Douglas Murphy, bankoficisto, 33 Stradbroke Road.

*Isola di Saseno* (Italio). — D.: S-ro Carlo Arlotta, Ufficio Genio Mar.

*Jabloné* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Jaroslav Pauk, brikejestro.

*Kanton* (Ĉinio). — D.: S-ro M. Cecegov, instruisto, Teachers College;

VD.: S-ro H. Keane, studento, Teachers College.

*Ljubljana* (Jugoslavio). — D.: S-ro Mario Jakulin, Poŝtno ležeče Glavna posta.

*Lom u Mostu* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Ladislav Kriesl, Lítvinovská 29.

*Malé Svatoňovice* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Jaroslav Janák, fervojoficisto.

*Mladá Boleslav* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Josef Kožený, studento, III. 215.

*Mölke bei Neurode* (Germanio, Schlesien). — D.: S-ro Karl Hansel, teknikisto.

*Murau* (Aŭstrio, Steiermark). — D.: S-ro Max Gutschreiter, estro de popola lernejo, Lassnitz, Post St. Lambrecht.

*New Brighton* (Angl. Cheshire). — D.: S-ro Harry Heslop, restoraciestro, 93 Egerton street.

*Oppeln* (Germanio, Oberschlesien). — D.: S-ro Jakob Güntzer, teknikisto, Malapanerstrasse 22.

*Rjahovo* (Bulgario). — D.: S-ro Boris Kavalĵiev.

*Semarang* (Nederl. Indio, Java). — D.: S-ro Tjong Hie Liem, Kranggan Wetan 19.

*Siracusa* (Italio). — D.: S-ro Rodolfo Castagnino, oficisto, Via Malta 24.

VD.: S-ro Luigi Scala, paroĥestro, Via Cavour 43.

*Striegau* (Germanio, Schlesien). — D.: S-ro Karl Kliem, impostoficisto, Wilhelmstrasse 31.

*Sankt Peter in der Au* (Aŭstrio). — D.: S-ro Willibald Matzke, impostoficisto.

*Saint Quentin* (Francio, Aisne). — D.: S-ro Ch. Violette, notaria ĉefoficisto, 41 rue Quentin Barre.

*Torskors* (Svedio). — D.: S-ro Fr. Ahnfeldt, instruisto, Inglatorp.

*Třebíč* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Karel Loveček, ŝtata oficisto, Dobrovského 338, domky 18.

*Zittau* (Germanio, Sachsen). — D.: S-ro Anton Ehm, komercisto, Postfach 105.

Ŝanĝoj

*Barcelona* (Katalunio). — D.: S-ro Delfi Dalmau, profesoro, Carrer Valencia 245.

*Bochum* (Germanio). — D.: S-ro D-ro Franz Wullen, Studienrat, Westfälische Strasse 29.

VD.: S-ro Bruno Kuberski, supera urbsekretario, Marienstrasse 42.

*Cleve* (Germanio). — D.: S-ro Adam Zangmeister, komercisto, Grosser Heideberg 24.

*Dubrovnik* (Jugoslavio, Dalm.) — D.: S-ro Mihajlo Monić, Antuninska ul. 273.

*Essen* (Germanio, Ruhr). — D.: S-ro Otto Sandrock, komercisto, Kahrstrasse 47, Tel.: N-ro 8847.

VD.: S-ro Alfons Niermann, instruisto, Prinzenstrasse 90, Essen Vorbeck.

*Hellin* (Hispanio). — D.: S-ro Francisco Miralles Cerdan, librotenisto, Bachiller 6.

*Ibaŝfalau* (Rumanio). — D.: S-ro Jenö Szücs, urba oficisto, Strada Cuza Voda 11.

*Locarno* (Svisio). — D.: S-ro Stefano Pedrazzini, privatulo.

VD.: S-ro Pierino Romerio, komercisto.

*Nancy* (Francio). — D.: S-ro Albert Esselin, 23 rue de Strasbourg.

*Nieuwe Niedorp* (Nederlando). — D.: S-ro Pieter Timmerman, buteristo, Lutjewinkel.

*Pardubice* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Ladislav Daniel Hronovická 640.

*Přelouč* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro JUDr. Josef Fousek, advokato.

*Rostock* (Germanio). — D.: S-ro August Wilken, Leonhardstrasse 25 II.

*Torun* (Pollando). — D.: S-ro D-ro Ignacy Dziedzic, ulica Slowackiego 15.

*Odense* (Danmarko). — D.: S-ro N. C. Carlsen, estro de komerca lernejo, Bülowsvej 24.

*

**La supraj elektoj fariĝas valoraj, se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D. kaj VD. agas provizore.**

*

Ne plu estas Delegitoj en jenaj lokoj:

*Ajaccio* (Francio); *Calahorra* (Hispanio); *Esbjerg* (Danmarko); *Farnley Tyas* (Angl.); *Grisee* (Nederl. Indio); *Kalk bei Köln* (Germanio); *Kansas City* (U. S. A.); *Konstantinoplo* (Turkio); *Kottbus* (Germanio); *Lehe* (Germanio); *Leuven* (Belgio); *Lexington* (U. S. A.); *Oskarshamn* (Svedlando); *Perleberg* (Germanio); *Santander* (Hispanio); *Schweinfurt am Main* (Germanio); *Tannwald* (Ĉeĥoslovakio); *Terrasson* (Francio); *Warnemünde* (Germ.); *Worms* (Germanio).

* * *

*Genève, 20a de oktobro 1923.*

*H. Jakob,*
Ĝenerala Sekretario de UEA.

# TRA LA FAKOJ

## Stenografistoj.

La dimanĉon 9-an de septembro fonda kunveno okazis en Centra Oficejo en Paris por realigi la starigon de Internacia Asocio de Esperantistaj Stenografistoj, por kiu provizora komitato laboris jam de kelkaj monatoj.

La celo de tiu Asocio estas:

1-e Grupigi izolitajn personojn kaj societojn, adeptoj de Esperanto kaj de iu ajn stenografa sistemo, por pligrandigi kaj plifortigi ilian agadpovon kaj plifacile realigi iliajn komunajn aspirojn.

2-e Propagandi Esperanton en la stenografistaro kaj stenografion en la esperantistaro.

3-e Informi siajn membrojn pri la diversaj sistemoj — naciaj kaj esperantaj — uzataj en ĉiu lando, kaj ankaŭ pri la stato kaj disvastiĝo de Esperanto kaj stenografio en ĉiu loko.

4-e Verki teknikan steno-skribmaŝinan vortaron.

5-e Helpi la kreadon de teritoriaj aŭ sistemaj societoj de esperantistaj stenografistoj.

6-e Studi — ekster ĉiu atento pri iu ajn stenografa sistemo — demandojn sciencajn, profesiajn, ekonomiajn aŭ sociajn, kiu interesas la stenografistaron.

7-e Disvastigi bonan instruadon de esperanta stenografarto per instruado de profesoroj kaj ekzamenoj de la gelernintoj.

8-e Disvastigi la profesiojn de Esperanto-stenografistoj kaj konstante plibonigi la situacion de tiuj profesiistoj.

La kotizaĵo kostas 5 francajn frankojn ĉiujare.

Tiu Asocio eldonas ĉiudumonatan gazeton „Internacia Stenografisto“, kiu estas sendata senpage al ĉiuj asocianoj.

Ĉiuj stenografistoj petu la Regularon de tiu Asocio de la provizora sekretario: S-ro P. Flageul, 9, Boulevard Voltaire, Issy (Seine), Franc.

* * *

### Instruistoj.

Grandega pedagogia ekspozicio okazos dum proksima paska libertempo en Bruxelles - St. Gilles (Belgio) komunumo fama pro ĝia publika instruado.

La daŭro estos 8 tagoj antaŭ kaj post Pasko.

Estas dezirinde, ke multaj samideanoj vizitu tiun ekspozicion.

Informojn donos F-ino A. Jennen, instruistino, 72, rue d' Albanie.

# Esperantista Parolejo.

### Ĉekbanko Esperantista.

Kelkaj samideanoj demandis al ni ĉu la ordigo de la aferoj de la Ĉekbanko Esperantista estas finita.

Ni atentigas, ke ni jam priparolis la aferon en nia n-ro de Aŭgusto / Septembro.

Ĉiu kontulo kiu havis krediton ĉe la Ĉekbanko tuj petu ekstrakton de sia konto de *S-roj Marcus & Francis, 47 Broad Street Avenue, London E. C. 2.* Tiu kiu ankoraŭ posedas ĉekojn aŭ transpagilojn ricevitaj kiel pago por iu ajn, sendu ilin al la supra adreso por kreditigo de sia konto. Petu ankaŭ la interesojn de la deponita mono. *(Esperantaj gazetoj bonvolu tion represi en la intereso de la tuta esperantistaro).*

* * *

### Imposto laŭ tervaloro.

La „United Committee for the Taxation of Land Values“, 11, Tothill Street, London SW. I. publikigis manifeston de sia lasta konferenco en Esperanto. La interesataj personoj bonvolu ĝin peti al la supra adreso.

* * *

### Esperanto kaj T. S. F.

Grupo de svisaj, italaj kaj alilandaj samideanoj kaj esperanto-amikoj, radio-fakuloj jam de longe klopodis fondi per- kaj poresperantan radiopropagandan kaj radiokomercan organizon. La Venezia Konferenco, kiu estis la ĝisnuna ĉefa okazintaĵo por la evoluo de Esperanto en komercaj-turismaj T. S. F. rondoj, fine antaŭenpuŝis, plirapidigis kaj plifaciligis la klopodojn de la nelacemaj T. S. F. pioniroj kaj fine maturigis la fruktojn de la ĝistiamaj klopodoj tiom, ke malgraŭ ĉiuj malfavoraĵoj kaj malhelpaĵoj sukcesis al la samaj kuraĝaj radio-fakuloj, krei kaj garantii la necesan internacian organizon por la Radio-Servo kaj ĝia baldaŭ aperonta samnoma Revuo.

Al la Radio-Servo, Locarno (Svislando) devas tuj aliĝi ĉiuj T. S. F. fakuloj, interesuloj kaj ĉiuj personoj kiuj intencas aboni al la gravega kaj impona esperantlingva T. S. F. - Revuo.

La Radio-Servo serĉas en ĉiu lando fakajn kunlaborantojn por la Revuo. Kapablaj agentoj estas serĉataj por negocoj. Ĉiuj samideanoj estas invitataj sendi al la Radio-Servo precizajn adresojn de T. S. F. Stacioj, Industrio - Kluboj, gazeto-interesuloj. La Radio-Servo jam havas rilatojn kun gravaj T. S. F. entreprenoj, rondoj kaj ĝi sukcesos nur kondiĉe, ke oni fine komprenu: ni ne devas kontentigi nin je teoriaj „sukcesoj“ sed ni devas igi nian laboron pli videblan, pli palpeblan, „pli fruktodonan, pli realan, pli aplikigan, en unu vorto pli komercan.

* * *

### Dalmacio, la lando de la suno kaj de la maro.

La popolkleriga societo „Narodna Prosvjeta“ en Split, ĉefurbo de Dalmacio (provinco de Jugoslavio) intencas eldoni luksan albumon, kiu entenos la plej belajn fotografaĵojn de niaj malproksime konataj, naturaj, artaj kaj antikvaj vidindaĵoj. La albumo aperos en la lingvoj: angla, ĉeĥa, franca, serbokroata, germana kaj esperanta.

La koncernaj prospektoj estos baldaŭ dissendotaj al ĉiuj delegitoj de UEA. Mi volas tie ĉi atentigi miajn estimatajn kolegojn, ke Dalmacion ĉiujare vizitas centmiloj da eksterlandanoj por admiri la senkomparajn panoramojn, la historiajn monumentojn kaj por ĝui kelkajn semajnojn nian sunon kaj maron.

Karaj gesamideanoj, konsideru, ke tio estas la unua esperante redaktita propagandilo pri la belecoj de nia marbordo, kiun oni nomas la „sudaj fjordoj“ kaj atentu, ke se la unua sperto estos bona, ankaŭ la pluaj eldonoj de „Narodna Prosvjeta“ favoros nian lingvon. Pro tio mi kore petas ĉiujn delegitojn recenzi laŭ la ricevota prospekto la aperontan albumon en sia nacia gazetaro kaj sendi gazeteltranĉaĵojn rekte al suba adreso.

Rekomendu la mendon de la grandioza verko (la albumo estos granda 30 × 40 cm kaj krom la teksto enhavos 350 plej belajn fotografaĵojn en heliotipio sur plej luksa papero) ne nur al individuoj, sed ankaŭ al urbaj universitataj bibliotekoj, muzeoj, turismaj societoj ktp.

„Narodna Prosvjeta“ celas veki ĉe la eksterlandanoj pli da kompreno kaj ŝato por la orienta marbordo de Adriatiko, kie tiel kurioze kruciĝas la okcidenta kaj orienta kulturo inter palmoj, oranĝoj, oleandroj, agavoj, kaktusoj, jasmenoj kaj alia subtropika vegetaĵaro.

Ĉiujn pluajn informojn ni senpage liveros.

Altestime

*R. Rupčič,* del. de UEA

Palmina 9, *Split,* Jugoslavio.

*

*NB.* Por la biblioteko de „Narodna Prosvjeta“ kaj „Esp.-Klubo“ mi kolektas ĉiujn ĝis nun en Esperanto aperintajn gvidlibrojn pri diversaj landoj kaj urboj. En la intereso de kiel plej efika disvastigo de nia lingvo mi petas ĉiujn estim. delegitojn, Esp.-societojn, grupojn kaj gesamideanojn, helpi min, ĉu donacante, ĉu sendante tiaspecajn publikigaĵojn kontraŭ pago.

*

(Aliaj Esp. - gazetoj estas petataj represi entute aŭ parte la supran alvokon).

* * *

## Propagando en Japana granda entrepreno.

Ni estas esperantistoj laborantaj en Sumitomo, kies grandioza entrepreno estas famekonata inter japanoj, sed ni ne estas certaj, ke vi eksterlandanoj scias la nomon, do lasu nin iomete klarigi pri tio ĉi.

„Sumitomo" estas familia nomo de barono, unu el la riĉeguloj japanaj kaj granda parto da kapitalo de subnomitaj kompanioj estas enpagita de li, kaj pro tio la vorta „Sumitomo" estas aldonata al la nomo de ĉiuj entrepreno.

Sumitomo Goŝi Kaiŝa (Adreso: 5 ĉome Kitahama, Osaka).

Ĝenerala administracio por ĉiuj fakoj, kaj sub kies kontrolo ekzistas:

Kuprajfabrikejo, Sterkfabrikejo, Arbarkultura Fako, Karbominejo, Metalminejo, Komerca Fako, Arkitektura Fako, Malsanulejo, Teknika Lernejo, Transporta Fako.

Plie estas: Magazeno, Elektrfadena fabrikejo, Ŝtalfabrikejo, kaj 3 bankoj kun 40 oficejoj.

Per tiu ĉi klarigo vi eble komprenas gravecon de nia entrepreno, kaj estas facile videbla kiel efike ili povus antaŭen puŝi nian movadon praktike en nia lando, se ili alprenos al si Esperanton kiel ilian oficialan lingvon por internacia korespondado.

Ĝis nun ni ĉiam kaj ĉiel klopodadas por efektivigi nian deziron, sed malgraŭ ĉio ni estas tro senfortaj por interesigi kaj akiri ilian atenton.

Tial ni humile turnas nin al vi kun peto, ke vi de tempo al tempo sendu senpere al nia administracio instige interesigajn dokumentojn en Esperanto koncernantajn al la entrepreno kiuj povos altiri al Esperanto atenton de la direktoroj kaj kiuj povos komprenigi ilin kiel Esperanto estas utiligata de fabrikistoj kaj komercistoj tutmondaj.

* * *

## Memoro al S-ro J. W. Sevenhuijsen.

Dum la lasta kunveno de gepatroj en la Regna Lernejo de Haarlem estis elparolita la deziro meti memorajon sur la tombon de S-ro Sevenhuijsen. Por efektivigi tiun planon oni elektis komitaton. Amikoj Esperantistoj, kiuj volas kontribui per iom da mono por tiu celo estas ĝentile petataj sendi sian donacon al la delegito de UEA en Haarlem:

*J. H. W. Habermehl*, Kinderhuissingel 30.

* * *

## Oni laŭdas!

*Ni presigas en ĉi tiu senpaga rubriko dankojn nur pri gravaj servoj plenumitaj de delegitoj.*

S-ro *Teodor K. Popov*, Petriĉ (Bulgario) kore dankas S-ron Oscar Bünemann, eks-vicdelegito de UEA en Hamburg pro faritaj servoj.

S-ro *Rajm. A. Ĉech* kaj siaj 4 geamikoj dankas al S-roj delegitoj Jos. Vogel en Salzburg kaj Joh. Tressel en München por servoj, afable plenumitaj.

S-ro *F. Dooglas Morphy* el Ipswich (Angl.) elkore dankas al Ge-roj Franz Schoofs kaj aliaj samideanoj de Antwerpen, S-ro Axel Baesens en Mechelen, S-ro Edouard Mousset en Bruxelles kaj F-ino Dorsinfang en Namur pro ilia gastemeco kaj valorega helpo dum lia vojaĝo.

S-ro *V. Bruck*, reveninte el Orienta Eŭropo tre dankas al ĉiuj samideanoj kun kiuj li konatiĝis dum sia vojaĝo pro ilia afableco kaj servopreteco, speciale al sekvantaj sinjoroj: D-ro Eustathianos en Ateno, D-ro Kaïris, S-roj Anastasiades, Stamatiades, Lanza kaj la aliaj samideanoj de Konstantinopolo, D-ro Maruzzi, S-ro Borjan, S-ro kaj F-ino Monojlovič en Zagreb, S-ro Margetič, S-ro Armanda kaj aliaj samideanoj en Split, S-ro L. Marčič en Dubrovnik.

F-ino *Ireland*, Hove (Angl.) sincere dankas la multajn esperantistojn kiuj helpis ŝin dum ŝia longa vojaĝo; la nomaro estas tro longa por ĝin presi ĉi tie.

## Esperantista Vivo.

**Naskiĝoj.** — Al Ge-roj *Hohlov* el Zagreb (Jugoslavio) naskiĝis filo, nomita Julio.

— Al Ge-roj *Ivan Nenkov* en Tirnovo (Bulgario) naskiĝis filo, nomita Zdravko.

— Al Ge-roj *Lucien Thévenin* en St. Etienne (Francio) naskiĝis filo, nomita Jean.

**Fianĉiĝo.** — F-ino *Hedda Tyroler* en Timisoara (Rumanio) kun S-ro *Jozef Pilitzer* en Budapest (Hungario).

**Edziĝoj.** — S-ro *Karl Bartel* en Graz (Aŭstrio) kun S-ino *Christina Bartel*, naskita *Schönecker*.

— S-ro *Raymond Laval* el Alais (Gard) kun F-ino *Yvonne Melquion*.

— S-ro *Francisco Miralles Cerdau* en Hellin (Hispanio) kun F-ino *Candelaria Andujar Callejas*.

## AL NIAJ KUNLABORANTOJ

☆

**Oni sendu la manuskriptojn, kronikaĵojn, anoncojn ĝis la 15a de ĉiu monato por apero en la sekvanta monato.**

☆

# Niaj mortintoj.

S-ino **Carlo Bourlet,** vidvino de la eminenta profesoro kaj tre agema propagandisto, prezidanto de la Pariza Grupo, mortis en Vence (Alpes Maritimes) kie en pli milda klimato ŝi provis retrovi sanon tre malfortiĝinta iom post iom post la morto de ŝia edzo. Multaj samideanoj rememoros tiun afablan esperantistinon kies nomo restas intime kunligata kun la unuaj progresoj de Esperanto en Francio.

**Don Ricardo Codorniu y Stárico,** fondinto de la Hispana Societo por propagando de Esperanto mortis 77-jara en Murcia (Hispanio). Malgraŭ lia granda aĝo kaj malsano li konstante interesiĝis pri Esperanto kaj faris ankoraŭ lastjare gravegan servon al nia movado. Li estis inĝeniero de arbaroj kaj montris en diversaj esperantaj artikoloj kian amon li havis por arboj, kaj kian deziron li havis, ke ĉiuj homoj amu arbojn. S-ro Ricardo Codorniu estis eksterordinare bona homo konata en tuta Hispanio kaj ankaŭ eksterlande de multaj esperantistoj. Inter liaj multaj laboroj li rearbhavigis la monton de Espuña. Li estis membro de la Scienca Akademio en Barcelona. Oni enterigis lin en Cartagena. *E. C. V.*

S-ro **Ivan Dobrevski,** bulgara samideano mortis en Montevideo. Li foriris al Ameriko antaŭ unu jaro. Ne trovinte taŭgan laboron li fariĝis laboristo en la konservejoj de viandfabrikejo. Inter glacioj li devis labori 12—14 horojn tage, kio superis liajn fizikajn fortojn. Li havis bronkiton kiu poste donis al li ftizon.

S-ro Enrique Muños, malnova esperantisto tre helpis lin, kaj volis dungi lin kiel bankoficiston sed estis tro malfrue. I. Dobrevski eniris en hospitalon kaj mortis la 25an de junio.

S-ro **Marcel Fleury de la Ruelle,** bienposedanto en Teyssenat Terrasson (Dordogne). Li estis de multaj jaroj fidela delegito de UEA.

**Maria Sahler,** urba flegistino en Hattingen (Ruhr) mortis 27-jara. Ŝia dejoro interkonatigis ŝin kun malriĉaj kaj riĉaj, kun maljunaj kaj junaj personoj kaj ankaŭ en Esperantujo, precipe en la „Revelo" teritorio, ŝi estis depost 11 jaroj konata, celscia persono kaj ĉie ŝi estis bonvenata kaj ŝatata pro ŝia ĉiama helpemeco kaj bonkoreco. Ŝi estis lerta esperantistino kaj sperta kursestrino kaj sukcesriĉa propagandistino. En plena junfreŝeco ŝi salutis dum nia XVa en Nürnberg ŝiajn geamikojn el la vasta mondo kaj vizitis hejmen veturante la Esp.-Instituton por la germana regno en Leipzig. Tuj post la reveno ŝi eniris malsanulejon pro prokrastigita operacio. Post dek tagoj, la 2an de septembro kormalforteco ĉesigis tiun laborriĉan kaj sukcesplenan vivon. *A. M.*

**Patro Ernst Schmitz** en Haifa (Palestino) kiu longatempe estris la germanan kristanan hejmon en Jeruzalemo mortis en Haifa kie li loĝis de proksimume 2 jaroj. Li estis malnova esperantisto kaj multaj samideanoj kiuj korespondis kun li konservos rememoron pri tiu simpatia esperantisto.

S-ino **Maria Schmalzl,** edzino de nia delegito en Weiden (Bavario) lerta esperantistino kaj fidela kunlaborantino de sia edzo, mortfalis de bicikledo la 30an de septembro. La Esperanto-grupo partoprenis la enterigon kaj deponis florkronon kun esperanta surskribo sur ŝia tombo.

S-ino **Dru,** malnova Pariza samideanino, mortis la 21 Julio.

**Baronino Aurelia Schmuckher-Solari,** patrino de nia vicdelegito en Genova mortis pro subita malsano.

S-ino **Vermeulen,** patrino de nia malnova samideanino F-ino Ida Vermeulen mortis en Antwerpen (Belgio).

# AMUZO KAJ ŜERCO

20.

**De malhelpil' al sola nesolajo.**

Post BO malhelpas ĝi;
post CO estris;
post ĈO ĝi iras;
post FO ŝatinda pli ol paroloj vere ĝi estas;
post HO matene plurajn ĝi havas kolorojn, sed ĝi la vesperon ĉie blankiĝas;
post JO se veron pri ĝi demandas al la virinoj vi, tute vana estos la peto: por ili estas ĉiame tio „grava sekreto de profesio."
Post KO ĝin diras ofte l' amantoj;
post MO grandega;
post PO nesola; de ĝi postvenas al TO, al VO al vi aperas du fluantaĵoj, se ĝi jen SOLA...
afer' ĝi estas neniam sola.

21.

**Opero de Insulo.**

Vort' signifanta „de sum" kaj adverbo en la signifo „en pli alta grado" ol tio kio devus esti, jen donas insulon de Azio.

22.

**Jack - the - Ripper operacio.**

Al ago de pasanto de komenc' ĝis la fino vi elŝiru la koron kaj ĝin metu en lokon de la kapo, tiel ke la kap' fariĝu koro: kiun urbon de Greklando vi vidas?

23.

**Konsistig' de ĉefurbo.**

Renversita radik' de vorto, kiu signifas „lud' farata sur speciala tabuleto, kiu nigrajn kaj blankajn kvadratojn prezentas" kaj ag' de tiu, kiu montras per la esprimo de l' vizaĝo kaj per mallongaj sonoraj elspiroj ekan gajecon.

24.

**Esperant - angla enigmo.**

De l' angloj vi du vortojn tre komunajn de aprob' kaj aplaŭdo vi legos en prepozicio, kiu malproksimecon montras; kaj en adverbo signifanta „en manier' rava" kiun vidos vi nur se vi legos tiun duan vorton de la finiĝ' al la komenco.

Verkis: *Alessandro Mazzolini,* Firenze (Ital.).

## Solvoj.

14. Em-ilo.
15. Be-r-no.
16. Sue-zo.
17. Ma-ŝi-no,
18. da, de, di, do, du.
19. Traf-alg-aro.

**Aktuala kaforecepto.**

La mondkonata amerika humoristo Marc Twain ie rakontas kiamaniere en Germanujo oni pretigas kafon. Sendube li portis sian gajan pligrandigan lenson skribante: „Boligu barelon da akvo; frotu beron de cikorio per kafgrajno kaj ĵetu la unuan en la akvon. Daŭrigu la boladon kaj vaporigadon, ĝis kiam gusto kaj aromo estos tolereble mildigitaj, kaj lasu malvarmiĝi. Post tio maljungu de la plugilo la restaĵon de besto iam estinta bovino, metu ĝin sub hidraŭlan premilon, ĝis kiam vi ricevos kuleron da blua suko, kiun germana superstiĉo konsideras kiel lakto, kaj plimildigu ĝian forton per tineto da varmeta akvo. Post tio komencu la matenmanĝon.

*Solzbacher,* Honnef (Germ.)

# ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek*, Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥosl.

Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto

**Problemo N-ro 91.**
*V. Kaĉera.*
(Národní Politika 1923).



Blanko matas per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 92.**
*F. Wardener.*
(Offiziersschachzeitung 1904).

Blanko matas per la 2-a movo.

En Praha okazas ĉiuvintre inter la tie loĝantaj ŝakkluboj turniro je memoro de la ŝakproblemisto J. Dobruský. Nunjare starigis la kluboj 17 trupojn po 8 ŝakludantoj. Sekvanta movaro estis ludita en tiu ĉi granda turniro, la 14an de oktobro 1923.

**Ludo N-ro 6**, *per la reĝkuriero.*

Blanko: *Inĝ. Christl.* ☆ Nigro: *Fr. Hájek.*

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 1. | e2—e4 | e7—e5 | 22. | f2×g3 | f4×g3 |
| 2. | Kf1—c4 | Kf8—c5 | 23. | h2×g3 | Dg7—h7 |
| 3. | Ĉg1—f3 | d7—d6 | 24. | Dd1—e2 | Ĉd7—f6! |
| 4. | d2—d3 | Ĉg8—f6 **a** | 25. | Ĉf3—h2 | Ĉf6×e4 **g** |
| 5. | Kc1—g5 | Kc8—e6 | 26. | b4×a5 | b6×a5 |
| 6. | Ĉb1—d2 | Ke6×c4 **b** | 27. | Ta1—a2 | f7—f5 **h** |
| 7. | Ĉd2×c4 | Ĉb8—d7 | 28. | Ta2—b2 | Ĉe4×g3 |
| 8. | Ĉc4—e3 | h7—h6 | 29. | De2—c4+ | Rc8—b8 |
| 9. | Kg5—h4 | g7—g5 | 30. | Tf1—b1 | Td8—d7 |
| 10. | Kh4—g3 | Ĉf6—h5 | 31. | Dc4—a6 **i** | f5—f4! |
| 11. | Ke3—f5 | Ĉh5—f4 **c** | 32. | Da6×a5 | Dh7—e4! **j** |
| 12. | 0—0 **d** | Dd8—f6 | 33. | Ĉh2—g4 | Th8—h1+ |
| 13. | c2—c3 | 0—0—0 | 34. | Rg1—f2 | Th1×b1 |
| 14. | b2—b4 | Kc5—b6 | 35. | Tb2×b1 | De4×b1 |
| 15. | a2—a4 | a7—a5 | 36. | Da5—b5 | Db1—c2+ |
| 16. | Ĉf5—e3 | h6—h5 | 37. | Rf2—g1 | f4—f3 |
| 17. | Kg3×f4 | e5×f4 | 38. | Ĉg4—e3 | f3—f2+ |
| 18. | Ĉe3—d5 | Df6—g7 | 39. | Rg1—g2 | f2—f1D++ |
| 19. | Ĉd5×b6+ | c7×b6 | 40. | Rg2×g3 | Df1—f4+ |
| 20. | d3—d4 | h5—h4 **e** | 41. | Rg3—h3 | Df4—f3 mato. |
| 21. | g2—g4 **f** | h4×g3 pas. | | | |

**a** kutime estas ludate De7; **b** per tio volas N havigi al si la ŝancon de la reĝflanka atako, kio pli poste ankaŭ sukcesas B ŝajne hipnotizita per ĉiu sia movo iras rekte en la falilon; **c** N riskas rezigni je aroko, esperante post K×f4, g×f4, Ĉg7+, Rf8 daŭrigi la atakon sur la libera kolono g; **d** B tamen ne ŝatas la komplikaĵon; **e** preparas g4, kio ne estus nun ebla pro Ĉh4; **f** post Ĉd2 sekvus g4, minacante f3; **g** la P ne estis savebla; **h** ebligas Ĉ×g3, kio ne estis ankoraŭ ebla pro Dg4+; **i** superflua atako, sed kion povus B ludi? **j** minacas mato per la dua movo.

*F. H.*

*Solvoj de la problemoj:*

N-ro 87: 1. Ĉg5—e6 ktp.
N-ro 88: 1. Dc5—h5, 2. Tg1—g5, 3. Tg5—c5 ideo: Duobligo de la samkurantaj figuroj kun diversa potenco, la pli forta kaŝas sin post la malpliforta. La sama ideo estas aplikita en n-ro 82 diagonale.
N-ro 89: 1. Dh2—e5, 2. De5—h5 ktp.
N-ro 90: 1. Dh1—h2, e3—e2, 2. Dh2—h6 ktp.
R×Ĉ, 2. Dh2—c2 ktp.

*Alvenis ĝustaj solvoj de la problemoj:*

83, 84: K. Goldfeder, Równo; 84: S. Frantz, Paris; 87 ĝis 90: T. Sika, Praha.

*Korespondoj kaj rimarkoj:* S-ro Bailey sukcesis solvi n-ron 86 de Svoboda en 5 movoj: 1. Dg1, 2. Te2, 3. Tf2, 4. Td7, 5. Dg4+. La aŭtoro korektas la verkon jene: B: Rh3, Db6, Td6, g8, Kb3, f2, Ph2, N: Rh5, Kc8, Pb7, d7, f6, h4, h6. Solvo: 1. Kd4, 2. Kf6, 3. Kd1, 4. Tf8, 5. Db1, 6. Tb6, 7. Df5. S-ro Goldfeder trovis en n-ro 83 de B. G. Laws duasolvon 1. Ĉd7+. S-ro Heskia, Bukaresto. Ni uzos n-ron 1, 2, 3 iom ŝanĝitajn. Ideoj ne mankas sed la eknika prilaboro.

# REKLAMO

Nur anoncoj kun *samtempa* pago estas notataj. Ni akceptas la anoncojn laŭ la disponebla loko kaj ne povas garantii la aperon en difinita numero. Ni ne sendas pruvnumerojn kaj rekomendas al la anoncantoj aboni nian gazeton. Ni ne akceptas respondecon pri la sekvoj de anoncoj.

## TARIFO.

### Oficialaj prezoj en svisaj frankoj.

1. **Korespondado:** Unu enskribo (la adreso kaj ne pli ol 5 vortoj) Fr. sv. 0.75. — Por ĉiu plia linio (= 10 vortoj) Fr. sv. 0.50. En naciaj prezoj 2/3 de la prezo de unu enskribo.
2. **Petoj kaj Proponoj. — Internacia Komerco:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. sv. 0.50.
3. **Grandaj anoncoj:** Unu kolono-larĝeco Fr. sv. 2.00 po centimetro da alteco.

### Naciaj prezoj por la 3 kategorioj.

**Aŭstrio:** Kr. 5000, 4000, 10 000. **Belgio:** Fr. 1.25, 1.—, 5.—. **Britio:** Ŝ. -/5, -/4, 1/6. **Bulgario:** L. 10, 8, 20. **Ĉeĥoslovakio:** Kr. 3.—, 2.50, 10.—. **Danio:** Kr. 0.75, 0.50, 2.—. **Estonio:** Mk. 30, 25, 80. **Finnlando:** Mk. 5, 4, 12. **Francio:** Fr. 1.25, 1.—, 5.—. **Germanio:** Mk. (oro) 0.25, 0.20, 0.50. **Hispanio:** Pes. 1.—, 0.75, 2.50. **Hungario:** Kr. (oro) 0.20, 0.25, 1—. **Italio:** L. 3.—, 2.—, 6.—. **Jugoslavio:** D. 6.—, 5.—, 20.—. **Latvio:** Lat. 1.—, 0.80, 2.—. **Litovio:** Lit. 1.—, 0.80, 2.—. **Nederlando:** G. 0.35, 0.25, 1.—. **Norvegio:** Kr. 0.75, 0.50, 2.—. **Pollando:** Zlot. 0.20, 0.25, 1.—. **Portugalio:** Esk. 2.50, 2.—, 5.—. **Rumanio:** L. 20.—, 15.—, 40.—. **Ruslando:** Sv. fr. 0.30, 0.25, 2.—. **Svedio:** Kr. 0.50, 0.35, 1.50. **Svislando:** Fr. 0.75, 0.50, 2.—. **Usono kaj Kanado:** D. 0.15, 0.10, 0.40.

## KORESPONDADO.

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarkoj sur bildflanko.* k. ĉ. l. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.*

**Atentigo!**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

### Aŭstrio.

**Wien IX/I.** — S-ro Raymund A. Čech, bankoficisto, D'Orsayg. 7/23, PI, L (nur kun kolegoj pri bankoficista movado).

**Wien IX.** — S-ro Stefan Viehauser, Tendlergasse 3/28, PI, L k. ĉ. l.

### Belgio.

**Bruxelles.** — F-ino A. Jennen, 72, rue d'Albanie (nur pri pedagogiaj temoj) interŝanĝas peraspektajn aŭ ludajn instruaĵojn por unuagrada lernejo.

**Ninove.** — S-ro L. Cogen, Drève 52, dez. ricevi informojn pri stenografioj, muzikskriboj, kalendaroj ĉl.

### Bulgario.

**Varna.** — F-ino Zora Mladenova, instruistino, Sokolska 20, L pri pedagogio, medicino, belartoj.

### Ĉeĥoslovakio.

**Písek.** — S-ro Jan K. Huttar, Nádražní tř. 387, PK, PI, Esp-aĵo, gaz. nacilingvajn, bfl, kor., kol. fot-aĵo, L, PM, papermono, monerojn k. ĉ. l.

**Přibyslav u Něm. Brodu.** — F-ino Manjo Rosendorfská, L, PK, PI k. ĉ. l.

### Finnlando.

**Helsinki.** — S-ro N. Aduschkevič, A/B. Hjelt & Lindgren, PM finnaj kontraŭ eksterlandaj.

**Joensuu.** — F-ino Eeva Mustonen, Malmik 21, PI k. ĉ. l.

**Joensuu.** — F-ino Jenny Sarkkinen, Kalastajak 14, PI k. ĉ. l.

**Liliukka.** — S-ro Aarne Ollila Kuusa, L, PI k. ĉ. l.

**Liperi.** — S-ro Kyosti Huikuri, L, PI k. ĉ. l.

**Makslahti.** — S-ro V. J. Rikström, PM, ne sendas unue.

**Mikkeli.** — F-ino Helmi Ukkonen, Pohjois-Koulukatu 13, L, PI k. ĉ. l.

### Francio.

**St. Denis-sur-Seine.** — S-ro Emile Marion, 39, bd. Marcel Sembat, L, PI, PM k. ĉ. l.

**Salbris (Loir-et-Cher).** — S-ro Emy, k. ĉ. l. pri semoj kaj kulturoj.

## Germanio.

**Cleve (Rheinland).** — Gegrupanoj PI, L k. ĉ. l. Adreso: Esperanto-Zirkel en Cleve (Rheinland).

**Esslingen a. N.** — S-ro Gottlob Roos, Bismarckstr. 41.

**Esslingen a. N.** — S-ro Herm. Saupe, Olgastr. 10.

**Frankfurt a. M.** — S-ro C. Hildebrandt, Göringstr. 1, III, PM, rifuzas senvalorajn PM.

**Kötzschenbroda.** — S-ro Plagge, Mathildenstr. 1, L, PM, PI k. ĉ. l.

**Plauen i. Vogtl.** — S-ro Kurt Kriplgans, Antonstr. 29, PI, bfl, PM k. ĉ. l.

**Plauen i. Vogtl.** — S-ro Erich Kriplgans, Antonstr. 29, PI, bfl, PM k. ĉ. l.

## Hispanio.

**Nerva (Huelva).** — S-ro Gaudencio Vásquez, komercisto, calle Jaime Vera 26, kun komercistoj el ĉiuj landoj dezirantaj importi komercaĵojn en Hispanion.

## Hungario.

**Budapest.** — S-ro Széles János, polica inspektoro, I. Lágymányosi u. 7, PM el ĉiuj eŭropaj precipe novaj ŝtatoj. Rekomendu. Ne sendas unue.

## Italio.

**Isola di Saseno** (apud Canale d'Otranto). — S-ro Arlotta Carlo, PI k. ĉ. l., plezure ricevos propagandilojn de internaciaj specimenloiroj por komerca propagando en Sud-Italio kaj Albanio.

**Pisa.** — S-ro Cesare Moschini, Casella Postale 1, PI papermonoj k. ĉ. l.

## Litovio.

**Lukŝiai.** — S-ro Pranas Žakevičius, Šakiu aps., PI, bfl, PM k. ĉ. l.

## Nederlando.

**Venlo.** — S-ro P. J. Pijpers, Stalberg 132, PM (laŭ Yvert et Tellier, Michel, Senf), PI, bfl.

## Pollando.

**Bydgoszcz.** — S-ro St. Fethké, Petersona 11, PM, L pri bankaj aferoj.

**Czestochowa.** — S-ro Eugenjusz Czerwinski, ul. Lubliniecka 14, PM.

**Lisów** apud Lubliniec (Supra Silezio). — F-ino A. Kielbowska, L, PI, PK, PM. (bazo ĉiuj katalogoj), monbiletoj, moneroj, esp-aĵoj kaj gazetoj.

**Nieswiez.** — F-ino E. Lange, Benedyktynska 3, PM k. ĉ. l. (kun seriozaj filatelistoj),

**Nieswiez.** — S-ro Boris Burakow, Slawkowska 1, PM k. ĉ. l.

**Rowno**, Hoszcza, Symonov. — S-ro Mykola Kalynĉuk, UEA-delegito. PM k. ĉ. l. PI kun ekstereŭropo. PM ne plu ol 200. Respondon mi garantias.

## Rumanio.

**Odorhei** (Transilvanio). — S-ro Bela Sipos, ĉefinĝeniero, Strato Regele Carola 62|a, PM kun seriozaj filatelistoj, PI, bfl kun ĉiuj landoj, escepte Aŭstrio, Ĉeĥoslovakio kaj Hungario.

## Svislando.

**Lugano.** — S-ro Aloysio Cappello, Dir. de la jurista Societo „La Difesa", via Maghetti 2, PI, PK, PM, esp.-aĵoj kaj fotografaĵoj (sportoj, belartoj, pejzaĝoj ktp.).

## Ameriko (Argentino).

**Buenos-Aires.** — S-ro A. Barrot, Congreso 5155, L, PI, gaz. pri radiotelefonio.

**Buenos-Aires.** — S-ro Bartolome Chiappe, Quesada 1765, PI, bfl.

**Buenos-Aires.** — S-ro Francisco Cleville, Tucuman 983, Dto. 14, PI (kun Afriko kaj Azio prefere).

**Buenos-Aires.** — S-ro Angel Corral, Pavon 2160, deziras sovjetajn Esp.-gazetojn

**Buenos-Aires.** — S-ro Ramiro Estilles, Jufre 841, deziras sovjetajn gazetojn.

**Buenos-Aires.** — S-ro Miguel Gaudino, Lavalle 1826, PM.

**Buenos-Aires.** — S-ro P. Gomez, Casilla Correo 2152, PM (Yvert, Senf).

**Buenos-Aires.** — S-ro Eugenio Rodriguez, Suipacha 1241, PI, PM k. ĉ. l.

**Buenos-Aires.** — S-ro Dionisio Ruiz, Venezuela 2902, PM.

**Buenos-Aires.** — S-ro F. H. Ruprecht, Paseo Colon 161, PI, bfl, prefere kun Azio kaj Afriko.

**Buenos-Aires.** — S-ro Celedonio Santos, Calle Patagones 2153, PI, bfl nur kun Afriko, Azio, Oceanio.

**Buenos-Aires.** — S-ro Fermin R. Varela, San Francisco 824, PM k. ĉ. l.

**Buenos-Aires.** — S-ro Antonio Vila Maynon, c|o S-ro V. Albamonte, Paseo Colon 161, Box 97, L, PI.

**Buenos-Aires.** — S-ro A. Villafranca, Cerrito 590, PM kun malnovaj kolektantoj.

**Mar del Plata.** — S-ro Rafaelo Herrero, San Martin 2532, L, PI k. ĉ. l.

## Azio.

**Ikeda-ĉo** (Japanio). — S-ro Ŝogoro Amenomori, c|o Kwaisei-hospital-ikeda Bunin, Osaka-fu, PI, papermonon, naciajn kuriozaĵojn k. ĉ. l.

## Oceanio.

**Oakleigh** (Victoria). — S-ro P. T. B. Hudson, Clapham Road, PM,

**Townswille** (Queensland). — S-ro J. Sharples, Flinders Street West, PM tutmonde

# PETOJ KAJ PROPONOJ.

**Adresŝanĝo.** — S-ro Zangmeister, Del. de UEA, sciigas al ĉiuj samideanoj, ke li nun loĝas Cleve, Grosser Heideberg 24.

**Atentu!** Se vi havas ĝardenon petu mian esperantan prezareton. Mi deziras ankaŭ agentojn. Emy, Salbris (Loir-et-Cher), Francio.

**Atentu litovoj!** Juna germana komerca komizo, 21-jara, (manufakturvaroj), deziras akcepti proksimjare okupon en Litovio. (Parolas iom litovlingve). Scias stenografion kaj maŝinskribadon. Skribu al: Kurt Knorr, Königsberg i. Pr., Rosenstr. 21 a, Germanio.

**Angla lingvo.** S-ino Alschwang, Libiŝ u Neratovic 25, Ĉeĥoslovakio, dez. lerni anglan lingvon korespondante kun angloj; interŝanĝe povas instrui francan aŭ rusan.

**Bank- kaj ŝparkasoficistoj** bonvolu sendi detalajn raportojn pri landaj organizaĵoj, salajroj ktp. kaj fakgazetojn al Rajm. A. Ĉech, Wien IX|I, D' Orsayg. 7|23 (Aŭstrio), por publikigo en aŭstria bankoficista gazeto.

**Bulgaraj PM,** ĉiuj en kompletaj serioj aŭ laŭ mankolisto estas aĉeteblaj je favoraj prezoj de Boris P. Kavaljiev, Rjahovo, Rusensko (Bulgario). Prezaro senpage.

**Ekspozicio.** Esperantista Rondeto en Jičín interŝanĝas ĉiujn objektojn (gaz., PK, bfl, PM, glm., gvidl., bild., lernilojn, alfabetojn ktp.) por ekspozicio. Rondeto garantias respondon. Adreso: A. Šikl, Jičín, Ĉeĥoslovakio (Eŭropo).

**Filatelistoj.** S-ro Ilmari Ekström, Åbo (Finnlando), rekomendas la filatelejon Boris P. Kavalĝiev, Rjahovo, Rusensko (Bulgario). La prezoj estas favoraj kaj la PM bonkvalitaj.

**Filatelistoj.** Kontraŭ mondepono aŭ referencoj mi vendas belajn seriojn PM de Germanio aŭ okupitaj provincoj. C. Hildebrandt, Frankfurt a. M., Göringstr. 1, III, Germanio.

**Filatelistoj!** Kiu sendos al mi 100—500 nedifektitajn poŝtmarkojn el sia lando, al tiu mi sendos saman kvanton da ĉeĥaj poŝtmarkoj. Skribu klarajn adresojn! P. Albert Stára, paroĥestro, Nürschan bei Pilsen, Ĉeĥoslovakio.

**Java.** Ricevinte ĉirkaŭ 300 leterojn S-ro Liem Tjong Hie en Semarang, bedaŭrinde ne povos tuj respondi. Bonvolu pacienci. Li klopodos respondi ĝis fino de 1923. Intertempe li dankas kaj petas pardonon.

**Karegaj gefratoj!** Kun kiuj mi korespondadis en 1914—1923 el Budapesto, Svislando kaj Siberio, bonvolu skribi, ĉar pro ĝisnuna vagado kaj militkaptiteco mi ne povis korespondadi. Koran saluton. Izso Brüll, Porcelanfabriko „Iris", Calea Regele Ferdinand 38, Cluj (Rumanio).

**Marmorindustrio.** Mi danke ricevus de fakuloj listojn de nacilingvaj esprimoj kun alilingva aŭ esperanta traduko por aranĝo de esperanta terminaro. R. Richez, 12, Bd. du Théâtre, Genève, Svislando.

**Porcelano.** Mi deziras korespondi kun ĉiulandaj fakistoj de porcelana kaj keramika industrioj kaj sendas poŝtmarkojn aŭ aliaĵojn kontraŭ sciigoj, prezlistoj kaj libroj pri la fabrikado de porcelano kaj glazuro. Adreso: Izso Brüll, Porcelanfabriko „Iris", Calea Regele Ferdinand 38, Cluj (Rumanio).

**San Francisco.** 48-paĝa gvidlibro kun 8 belaj ilustraĵoj estos sendata kontraŭ respondkupono. Esperanto Association of California, 309-10-11, Chronicle Building, San Francisco, Californio.

**Studento** serĉas okupadon en eksterlando, parolas esperante, angle, germane kaj france. Skribu al H. Brohus, Borup, Vraa (Danio).

**Tiflis.** Sim. Mkritĉjan, ĵurnalisto, informas siajn amikojn, ke li estis erare arestita kaj malliberigita en lasta oktobro. Post liberigo li nun baldaŭ skribos ree al ĉiuj siaj amikoj kiujn li kore salutas.

# INTERNACIA KOMERCO

**Aŭtomobilistoj.** Vendistoj, reprezentantoj de aŭtomobiloj, vi trovos ĉiuspecajn motorojn ktp. ĉe „Représentations d' Automobiles", 8, rue Verjus, Suresnes, Francio.

**Aŭtomobiloj,** flankĉaretoj, veturiletoj aŭtomobilaj. Sendu ofertojn novaj tipoj 1924 al Stefano Pedrazzini, Locarno, Svislando.

**Bombonujoj** metalaj (plektitaj korbetoj, skatoletoj, kasetoj) artikloj, donacoj por Kristnasko kaj Novjaro, Paskaj artikloj (ovoj, korbetoj kun leporoj kaj kokinoj). Plej bona kvalito. Favoraj prezoj. Memproduktanto: Josef Feix, Kukan 233 (Ĉeĥoslovakio). Petu specimenon kontraŭ 1 sv. fr.

**17-jara germano,** inteligenta kaj laborema, lerta kalkulanto kaj korespondanto, bonscianta anglan, francan, hispanan, italan, esperantan lingvojn, serĉas por sekvonta Pasko komencoficon en iulanda komercentrepreno aŭ banko. Komencpago: loĝado, nutrado kaj vojaĝkostoj. Skribu jam nun! Wilh. Solzbacher, Honnef (Rh.) Germ.

**Gramofonajn** diskojn esperantajn mi aĉetas. Ankaŭ leciondiskojn por lerni Esperanton. Stefano Pedrazzini, Locarno, Svislando.

**Konstantinopola Komercservo.** Adreso: W. Zielinski, Galata, Pantelejmonhan, Konstantinopolo. Ĉiuspecaj komercaj aferoj kaj informoj. Eksporto de enlandaj produktaĵoj: lano, kotono, tabako, opiumo, sekaj fruktoj, nuksoj, orientaj frandaĵoj.

**Paperfabriko Franz Kromer,** Troppau (Ĉeĥoslovakio), liveras ĉiuspecajn paperojn kaj paperaĵojn plej rapide kaj plej malkare. Petu specimenojn kaj prezojn alsendante modelojn.

*Ĉiu literatur-*
*kaj artamantó devas*
*koni la revuon*

# *Literatura Mondo*

*Petu specimenon,*
*sendante 0.80 Fr. sv. aŭ*
*egalvaloron al la redaktejo:*
*Andrássy ut. 81, Budapest VI (Hungario)*

*Enhavo de unu el la lastaj numeroj:*

*Post la XV*[a] — Redakta Komitato
*Nürnberg* — Henry W. Longfellow
*Taglibro de Lunano* — Jerry Zulawski
*La bona peranto* — Raymond Schwartz
*Lando de muziko* — Emma L. Osmond
*Nukseto (Cnu Dearoil)* — Emma L. Osmond
*El „Pallieter"* — Felix Timmermans
*El la Itala Poezio* — G. Leopardi, J. Pascoli ktp.
*Poemoj en Prozo* — Emil Isac
*Vespero* — Marie Under
*Kial amas vi min?* — Janis Akuraters
*Modernaj Robinzonoj* — Theodoro Schwartz
*Literaturaj Studoj*
*pri J. Rajnis (Latvio) kaj Mohamed Ikbal (Hindio)*
*Bibliografio*
*Pledo por la vorto „ci"*
*Muzikaĵo: Irlanda Kanto*
*Reproduktaĵoj de 6 pentraĵoj kaj 1 skulptaĵo*
*Portreto de P. Stojan kaj de la Teatra Trupo de „L. M."*

# „Idoj de Orfeo"

La tre interesa romano, originale verkita en Esperanto de *H. J. Bulthuis*, rekompencita de la Akademio en 1923, estas havebla en:

Anglujo: de Brita Esperantista Asocio, 17 Hart Street, London W. C. 1.
Belgujo: de Belga Esperantisto, Dir. S-ro F. Schoofs, 45 Kleine Beerstraat, Antwerpen.
Finnlando: de Esperanto-Oficejo, 20 Kasarminkatu, Helsinki.
Francujo: de Esperantista Centra Librejo, 51 Rue de Clichy, Paris (9),
Nederlando: de la ekspluatanto:

**ÇENTRA ESPERANTO-LIBREJO**
**2a Bankastr., 's-GRAVENHAGE**

## Kolektantoj

de esperantaĵoj, propagandistoj havantaj persajn amikojn nepre aĉetu la lernolibron en 20 lecionoj en persa lingvo de **Bahmen Shidani (Teheran)**. La unua parto, 68 paĝoj, 22×15 cm, aperis, dua parto estas presata. Ambaŭ partoj kostas kune **5 sv. fr.** Sendu la mendojn senpere al la aŭtoro aŭ al la C. O. de UEA.

## La Ĝemo de Soleca Animo.

Originalaj verkoj pri ĉina vivo de *Vaselj Erošenko*. Tre interesa kaj bele presita. Prezo: **18 anglaj pencoj aŭ 7 respondkuponoj** kun afranko eksterlanda. Aĉetu tuj ĉe
**S-ro Hujucz, Eastern Miscellany, Commercial Press, Shanghai**
Ĉinio.

## Nia Esperanto-literaturo ne manku en via libraro!

| | Gmk. |
|---|---|
| **Bayol: Esperanto und Rotes Kreuz** | 0.60 |
| **Bennemann: Tra la mondo.** Internacia legolibro. | |
| I-a parto: Por komencantoj, dua eldono, kart. | 1.— |
| II-a parto: Por progresintoj, kart. | 1.50 |
| **Bennemann: Internacia Kantaro.** Tekstaro, broŝ. | 0.50 |
| Muzika eldono, broŝ | 1.60 |
| „ „ bind. | 2.— |
| **Bennemann: Handwörterbuch:** Esperanto-Deutsch, tole bind. | 3.50 |
| **Blachstein: Pri Esperanto kaj Esperantistoj** | 0.10 |
| **Borgius:** Die Weltsprachenbewegung vor dem Forum sachverständiger Kritik | 0.30 |
| **Brühl: Kurzer Lehrgang** | 0.25 |
| **Degen: Kleines Lehrbuch** | 0.30 |
| Wörterverzeichnis dazu | 0.15 |
| **Dietterle: Zur Rechtfertigung des Esperanto** | 0.30 |
| **Dietterle: La Vendreda Klubo, 11 originalaj artikoloj,** broŝ. | 1.60 |
| **Forge: Abismoj.** Romano originale verkita, broŝ. 1.80; bind. | 2.75 |
| **Goldschmidt: Bildotabuloj por la instruado de Esperanto,** 3-a eldono, kart. 2.50; bind. | 3.— |
| **Gvidlibro tra Leipzig** | 0.40 |
| **Hankel: Sableroj, originalaj poeziaĵoj kaj skizoj** | 0.40 |
| **Lippmann: Dr. Zamenhof's sprachliche Gutachten** (Lingvaj Respondoj) in deutscher Bearbeitung | 0.90 |
| **Luyken: Stranga Heredaĵo.** Romano originale verkita, broŝ. | 3.— |
| bind. | 4.— |
| **Molière: La malsanulo pro imago.** Komedio en tri aktoj (Velten), broŝ. | 0.30 |
| **Privat: Historio de la lingvo Esperanto,** kart. | 1.25 |
| **Privat: Vivo de Zamenhof,** kart. | 2.— |
| bind. | 3.— |
| *speciala eldono por mez- kaj malbonvalutaj landoj* | |
| **Richter: Esperanto-gvidanto pri la publika interkomunikiĝado** | 0.60 |
| **Schneeberger: Esperanto-Stenografio** | 0.40 |
| **Simon: Patrino al la infano,** por unu voĉo kaj fortepiano | 0.20 |

| Internacia Mondliteraturo. | Gmk. |
|---|---|
| Vol. 1: **Goethe: Hermano kaj Doroteo.** Eposo idilia. El la germana originalo (Küster), dua eldono. Premiita de la akademio | 1.— |
| „ 2: **Niemojewski: Legendoj.** El la pola originalo (Kuhl), dua eldono | 1.— |
| „ 3: **Turgenev: Elektitaj Noveloj.** El la rusa originalo (Mexin) | 1.— |
| „ 4: **Raabe: La nigra galero.** Historia rakonto. El la germana originalo (Wicke) | 1.— |
| „ 5: **Hildebrand: El la „Camera Obscura".** El la holanda originalo (Mees) | 1.— |
| „ 7: **Chamisso: La mirinda historio de Petro Schlemihl.** El la germana historio (Wüster) | 1.— |
| „ 8: **Stamatov: Nuntempaj Rakontoj.** El la bulgara originalo (Krestanoff) | 1.— |
| „ 9: **Ŝalom-Aleĥem, Perec: Hebreaj Rakontoj.** El la hebrea originalo (Mučnik) | 1.— |
| „ 10: **Puŝkin: Tri Noveloj.** El la rusa originalo (Fiŝer) | 1.— |
| **Stark: Elementar-Lehrbuch,** 7-a eldono | 1.40 |
| **Wörterverzeichnis dazu** | 0.40 |
| **Stark: Kurzer Lehrgang,** 9-a — 11-a eldono | 0.40 |
| **Stark: Wortstämme** | 0.10 |
| **Steche: Der Siegeszug des Esperanto.** Propagandilo | 0.10 |
| **Steche: Speisekarte.** Franca-germana-esperanta | 0.40 |
| **Streidt: Esperanto-Lehrbuch für Volksschulen.** I, II po | 0.60 |
| **Velten: Elementar-Lehrbuch,** 3-a eldono | 2.— |
| **Schlüssel dazu** | 0.40 |
| **Völkerbund. Esperanto als internationale Hilfssprache** | 0.30 |
| **Die Wahrheit ins Ausland durch Esperanto** | 0.10 |
| **Wüster: Enciklopedia Vortaro.** Esperanta-germana, I-a parto | 14.— |
| **Wüster: Maŝinfaka Esperanto-vortaro.** | |
| Germana eldono: Esperanta-germana kaj germana-esperanta | 2.— |
| **Zahn: Svisaj Rakontoj.** El la germana originalo (Pulvers) | 0.30 |

Niaj prezoj estas malaltigitaj. Krom tio ni konsentas de nun pli favorajn liverkondiĉojn al ĉiuj revendistoj. Postulu prezproponojn! La prezoj montritaj estas fundamentaj prezoj. Germanoj kaj samideanoj el malbonvalutaj landoj apliku la ŝlosilnombron, la aliaj bonvalutaj landoj transkalkulu laŭ la jena principo:
Unu germana marko egalvaloras: dolaro 0.22,5; frankoj svisaj 1.25; kronoj ĉeĥaj 7.50; guldeno holanda 0.57 ktp.
Oni pagu el la eksterlando per bonvalutaj bankbiletoj en rekomenditaj leteroj.

**FERDINAND HIRT & SOHN, ESPERANTO-FAKO, LEIPZIG, SALOMONSTR. 15.**

Esperanto-Presejo Paul Göring, Magdeburg-N.